XIa jaro. No 163 (4) ☆ Duonmonata ☆ 5 marto 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## INDUSTRIO

Per furioza potenco la kraketanta motoro ŝiris la aŭtomobilon laŭlonge la ŝoseo. Rigardante rekte antaŭen mi havis la impreson, kvazaŭ la arboj saltus al mi renkonte kiel el kinematografa filmo. Nun mi rimarkis ŝanĝon. Ili perdis sian freŝan verdon fariĝante komence pli malhelaj, poste flavaj kaj brunaj; kiam la veturilo haltis, mi konstatis, ke ili nigriĝis. Jen ili staris kiel restaĵoj el la ŝtonkarba epoko etendante aeren sian strangan branĉaron.

Mi estas super la karbminoj ĉirkaŭ la Ruhr-rivero.[1] Jen sin etendis la vasta ebenaĵo de la urbo Duisburg: Karboj! Karboj! Karboj!

Jam, antaŭ nekalkuleblaj jarmiloj, tie estis pramondo, arbaro de giganta amplekso kaj nekonstateбla profundo.

Ĝi enprofundiĝis; sed centojn da metroj super ĝia tombo la nunaj homoj kreis posteulon ankoraŭ pli potencan: la virgan arbaron de la fabrikejaj fumturoj. Kiel ideo de fabela nerealeco nin impresas la fakto, ke la antaŭa arbaro jam de longe malaperinta leviĝis el siaj dormaj profundaĵoj, por doni vivon kaj varmon al la nova, kiu alte super ĝi rektiĝas al la ĉielo. Per la produktoj de pramonda epoko oni tie hejtas, por krei novajn valorojn!

Kien ajn atingas la rigardo: fumturoj kaj fornegoj. „Rheinische Stahlwerke“, „Phoenix“, „Gewerkschaft Deutscher Kaiser“ klarigas al mi la gvidisto.

[1] En Rhein-provinco (Germanujo), mondfama industria regiono (Duisburg, Barmen, Essen, Elberfeld, ktp.)

Nemezurebla ŝajnas al mi la amplekso, kaj terura la silento, kiun elspiras la tuto. Ĉiun momenton mi atendas, ke transflugos liberiga bruo, senpremiga tondra bato de fero sur fero, la furioza spirego de vaporkaldrono varmegigita ĝis freneziĝo, aŭ la tremiga kriego de maŝino fakte freneziĝinta.

Nenio! Eĉ ne unu sono interrompas la korpreman silenton. Same timinda mi imagas la teruron, kiu kaptus la homojn, se ilin fantoma monstro jetus en la praarbaron de la ŝtonkarba epoko.

Pro mia fantazio ekscitita iu maŝino-grandegulo, trankvile plenkreskinta inter arbaro de fumturoj, alprenas la formojn de terura bestego pramonda. Jen! Ĉu ĝi subite ne etendiĝas supren? Ĉu ĝi ne turnas la kolon malrapide kiel iama saŭrio kiu, matenmanĝinte junan mamuton, nun ekvekiĝas el la digesta dormo? Ne! Turniĝis krano. Nenio alia. Jen atmosfero, kiu konfuzas ĉiun precizan percepton.

Super la urbo Duisburg pendas nemovebla fumnubo pala, nigre-flava, kiun eĉ ventego ne povus forblovi. Ĝi pendas super la urbo Duisburg, de kiam ĝiaj kamentuboj altiĝis; tie ĝi restos pendanta, ĝis la produktoj de pasinta praepoko senreste estos levitaj kaj konsumitaj per la fajro de centoj da fornegoj. Tiam ankaŭ ĉi tiuj inferaj fornegoj enprofundiĝos en la patrinan sinon de la tero, de kie generacio ankoraŭ pli kuraĝa ilin eble relevados.

Kun mallaŭta grincado ni daŭrigis la vojon tra la karbaj rubaĵoj de la nigra strato.

Subite nin trafis luma radio de tia intenseco, ke nevole fermiĝis la okuloj blindigitaj. Ŝajnis, ke ni de plej proksime rigardas en la flamantan fokuson de grandega elektra lampo.

En unu el la bolantaj fornegoj ekestis troa varmego; la metalajn gasojn oni forkondukis supren. Jen kial eksplodis alten en la aeron la lumanta fervaporo verŝante magian

metalbrilon sur la kamentubojn de l'urbo Duisburg kaj jetante siajn zigzagajn radiojn al la nigra-flava nemovebla nubokasko.

Subite la torĉo estingiĝis; ĉio redronis en nepenetrebla, peza mallumo.

Baldaŭ poste ni veturis tra la fulgonigraj domamasoj de l'urbo Duisburg sur unu el la pontoj de l'urbo Ruhrort, la plej granda enlanda haveno de l'mondo. Kia aspekto! Sur unu flanko la industria labirinto kun siaj ne ĉirkaŭpreneblaj amasoj de fumturoj kaj fabrikaj konstruaĵoj, pli malalte la vico de l'havenoj kun sennombraj mastoj de la tir-vaporŝipoj kaj boatoj, kaj sur la alia flanko la vasta trankvila ebenaĵo, tranĉita de la Rejn-rivero fluanta valen larĝa kaj impona. Inter ĉio, centfoje nodita, la densa reto de l'reloj kun vicoj da vagonoj senĉese ruliĝantaj.

Tie mi sentis la unuan fojon, kion signifas la fakto, aparteni al popolo de 65 milionoj da homoj, kaj kiajn grandegulajn laborojn povas plenumi tia amaso, kian geniecon kaj energion postulas la direktado de tiel kolosa laborejo! Kiel eviti, ke ĉi tiu tuta maŝinaro ne foje trovarmiĝu kaj malfunkciu? Tio bezoniĝas nervojn tiel fortajn, kiel la tirŝnuregoj en la karbminoj.

Certe! Vi profetoj de la dekadenco, vi kiuj glorlaŭdas al ni Hermanon, la ĥeruskan princon, kiel modelon de radianta praforto jam delonge pasinta: venigu lin kune kun liaj batalistoj el la Teŭtoburga arbaro! Post dek minutoj ili ĉiuj freneziĝos kaj sin ĵetos en rulpremegilejon unue renkontitan.

„Kion ni ne povus?“ — jen estas tie ĉi la demando.

Kaj efektive: en ĉi tiuj fornegoj, en kiuj bolas ŝtalo kiel ordinara akvo, kunmiksiĝas nova mondpercepto. Kia diferenco inter la junuloj de l'antikva Romo, kiuj, timante la morton, direktis siajn kvar ĉevaletojn ĉirkaŭ la cirka areno kaj la nunaj laboristoj, kiuj per unu mankapto renversas „Bessemer-piron“, kies krevo ilin farus ĥemia formulo! Kia trankvilo antaŭ la grandioza monstro de moderna vapormartelego, kiu per unu kolera bato ekŝancelus la plej potencan katedralon!

Oni memoru la „fortikan“ mezepokon, kiam viretoj kaj virinetoj faris la krucosignon, se okaze ekfulmis. Ĉi tiuj homoj devenas el la sama gento, kiel tiuj; sed rimarku la ŝanĝon: puŝataj de aeroradoj furioze turniĝantaj ili — en alteco de centoj da metroj super la tero — transflugas tutajn landojn, spite la ventoj, tenante en la mano senekscite la direktilon, fidante la sanan pulmon de fortega benzina motoro.

Ĉi tiuj homoj estas de alia, nova speco. La teran ventron ili trafosas ĝis en la plej profunda intestaro; sub iliaj pugnoj konstruiĝas rapidvagonaraj kaj vaporŝipaj maŝinoj; ili kreas aerostatojn, kiuj brue trapasas la aero-maron kvazaŭ birdoj migrantaj. Ilia cerbo pligrandiĝis kun ilia agoforto — jen kial ili havas aliajn emojn ol helotoj kaj trapistoj. Vere! Per mortotimo ĉi tiu gento jam ne estas haltigebla; jam ne teruras ĝin la kredo al supertera mano punanta la kuraĝemulojn. Ĉi tiuj industriuloj kunlaboradis en la nepra submetado de la naturaj fortoj sub la volon de l'homo; nenio jam ŝajnas al ili neebla sub la suno. En ilia brusto vivas la kredo al venko; kiam ili en nigraj aroj trapasas la karbonigrigitajn stratojn, el la egaltakto de iliaj paŝoj sonas necedemo kaj nehaltigebleco.

Ili helpis konstrui kaj nun postulas sian parton en tiu ĉi mondo: surteran paradizon! Ĝin ili atingos, kaj nesaĝe estus haltigi la liberan disvolviĝon de la impona forto, kiu naskis tiel gigantan faraĵon.

Kiam mi ĉirkaŭprenas per la rigardoj ĉi tiun virgan arbaron el fero abunde kreskantan, ĉi tiu tuta industriaĵo ŝajnas al mi enkorpiĝo de la aludita ideo, manifestaĵo de monumenta realeco.

Adiaŭ, vi pendantaj ĝardenoj de Semiramis! Adiaŭ, vi koloso de Rhodos!

Ĉi tie estas unu el la mondaj mirakloj de nia propra epoko.

Sufiĉe de l'plendado pri „senkultura periodo de l'transiro“; sufiĉe de la ĝemado de ĉiuj, kiuj malatingis la „vagonaron de la tempo“ kaj nun kolere rifuĝas al la Mediceoj aŭ al la Rokoka epoko. Adiaŭ! Al ĉiuj homaj gentoj ekdormintaj, eternan bonan nokton!

Kiam ni forveturis, falis la nokto.

Kvazaŭ monstro la nigra strato malfermis antaŭ ni sian faŭkon; poste ĝi englutis nin. De Essen kaj Bochum salutis la fajroj de la altaj fornegoj.

Ankoraŭ pli timinda ol en la tago nun estis la silento, kiun fendis, kvazaŭ kvietiga kanto, la egalmezura martelado de nia motora cilindro. *Walther Haas.*

Trad. *F. Pillath* (Del., Essen).

 SOCIA VIVO 

## La Indiana animo de Meksikujo

La malnovaj estroj de Meksikujo, antaŭ la hispana almilito, estis la Aztekoj. Oni supozas, ke ili venis el Japanujo. Ilia ĉefurbo estis konstruita sur lago; ili havis militistan nobelaron kiel la japanaj Samurajoj; ili honorigis la agrikulturon post la milito; ili amis la florojn kun pasio ankoraŭ vivanta ĉe la nuna meksika popolo.

Ĉio en la azteka kulturo rememorigas Azion [1], skribas la konata ĵurnalisto Luigi Barzini al *Corriere della Sera*, nome la ornamado de la sanktaj ĉirkaŭremparoj per grandaj ŝtonaj serpentoj similaj al la drako de la flavrasaj popoloj, la skribado, la libroj skribitaj sur ia speco de fibreta papero; la rafinita, naiva, pacienca arto, riĉa je fantazio kaj koloro. La aztekaj konstruaĵoj similis la sanktajn konstruaĵojn de primitiva Japanujo; la kapo de l'diaĵo Tlahniz havas la saman esprimon kiel la Buddha de Kamakura. Kiom da interesaĵoj liverus al ni la aztekaj bibliotekoj, se iliaj libroj amasigitaj sur la placoj en grandegaj ŝtiparoj ne estus bruligitaj de la hispana pastraro! „Kio igis la enlandulojn mirinde malĝojaj kaj disreviĝintaj“, skribas pastro Landa, unu el la detruintoj.

El Mexico ĝis la golfo de Honduras, la lando estas semata je misteraj kaj grandiozaj ruinaĵoj. Tie ĉi estas piramidoj, kiuj povas konkurenci kun la egiptaj, tie grandegaj restaĵoj de strangemajestaj preĝejoj kaj palacoj, jen monumentoj skulptitaj je figuraĵoj, kiuj ŝajnas asiriaj, kaj de hieroglifoj, kiujn oni povus kredi egiptaj [2]. Ilian aĝon neniu povas diri. En la senhomaj valoj, sur dezertaj ebenaĵoj, en la konfuzaĵo de la tropikaj arbaroj, montriĝas sennombraj kaj belegaj signoj de imperiaj civilizacioj. Kiu popolo tion faris? Kio estis tiu Meksikujo, tiel granda, tiel potenca, tiel pompa? Tion neniu scios iam.

Homo, kiu perdas la memoron, fariĝas nenio. La hispana almilito detruis la memoron de la enlanduloj, tiel ĝi pli firme superregis ilin. Ĉiuj militistoj, ĉiuj nobeloj, ĉiuj pastroj, ĉiuj legosciaj homoj estis amase mortigitaj; iliaj skribaĵoj fariĝis cindro. La pasinto estis fortranĉita. La

[1] Tiun similecon de Indianoj kun Azianoj, speciale Ĥinoj kaj Japanoj, konstatis diversaj aŭtoroj ankaŭ en Sud-Ameriko (Peruo, Ekvatoro). Vidu la artikolojn pri „Amerikaj pejzaĝoj kaj urboj“, aperintajn en *Esperanto* 1913, speciale en N-ro 8 (paĝ. 115). — *Red.*

[2] La simileco de la meksikaj ruinoj kaj ankaŭ de la centra-amerikaj kaj peruaj, kun la egiptaj ruinoj, estas apogo al la tezo pri iama ekzisto de Atlantisa kontinento. Vidu la serion de artikoloj pri „La problemo de Atlantis“ en *Esperanto* 1913. — *Red.*

historio ne plu ekzistis. Tiu popolamaso restinta sen ĉefo fariĝis sklava. Kun la obeemo de l'nescio, ĝi akceptis la fremdan estrecon. Ĝi obeis, laboris, preĝis, rezignacie kaj senkonscie, senvole kaj senpense. Tiuj indianaj popolamasoj perdis sian propran civilizacion kaj restas ekster la nia. La Indiano ne havas celadon; li travivas mizeran, humilan, banalan ekzistadon, kiun apenaŭ lumigas primitiva fido; nenion alian li volas scii. Kvankam premataj de la malsanoj kaj de terura infanmortado, plimultiĝas tiuj indianaj loĝantoj, ekstreme multnaskaj. Ili estas tre multnombraj en la grandaj centroj, kaj tamen ili de la superaj klasoj ne estas konsiderataj kiel socia forto. Tiu de ni tiel malproksima spirite, tiu tiel malklera popolamaso formas la tre grandan plimulton de la loĝantaro, la fundamenton de la meksika vivo. Ĉio, kio nun okazas, la eksterordinara kaj aventurplena disvolviĝo de la politiko, la nekonstanteco de la konstitucioj, havas la originon en la ekzisto de indiana popolamaso, kiu ŝajnas tute fremda je la publika vivo. La grava problemo, eĉ la sole grava problemo de tiu lando, estas la indiana demando, pri kiu pensas neniu. La Indiano estas ĉie; li faras ĉion. Li estas manlaboristo, servisto, soldato, ĉiujn metiojn li havas; en ĉiuj domoj li estas. Li kulturas la kampojn; li estas laboristo en la plantejoj, ĉe la fervojoj, en la minoj. Movoforto de Meksikujo li vere estas, inteligenta, pacienca, malbone pagata, malestimata, obeema. Li akceptas la blankulon kiel naturan mastron. Li forgesis, ke iam liaj samrasanoj estis liberaj. Li havas nek konojn, nek opiniojn, sed nur instinktojn. En Meksikujo la naciaj demandoj, la landaj bezonoj, la publika vivo, okupas la penson de kelkaj superaj homoj, sed la grandega plimulto de la popolo ilin nek komprenas, nek diskutas.

Fakte, ne ekzistas publika opinio, tiu granda forto, kiu en la kulturlandoj reguligas, limigas, difinas la taskon de la registaroj. Nenio montras ian kolektivan volon. La popolo konsentas pri ĉio. Ĝi aplaŭdas la pli fortan aŭ la pli proksiman. Nenio dolĉigas la krudecon de la batalo por la superregado. Ĉiu rimedo estas taŭga. La popola konscienco ne sentas sin ofendata de arbitraj agoj. Sed la Indiano, kiu ne havas opinion, ĝuste estas tiu sama homo, kiu batalas. Li estas la armilo de la politiko, la vivanta municio de la enlanda milito. El li la registaro faras soldaton, la opozicio revoluciulon. Li batalas nesciante kial, indiferente, stoike, senkompate; se li estas kaptita, li same kuraĝe batalas por la venkinto. Kiam oni parolas pri ribelo de iu regiono, oni pli ĝuste devus paroli pri la ribelo de iu homo. La revolucio de provinco estas nur *pronunciamiento* kontraŭ la provincestro. Sed post tiu homo marŝadas bandoj sen ia ajn celado. Ili komprenas nur la militon kontraŭ iu ajn sen kialo. La Indiana amaso havas nenian intereson je la sociala paco. Ĝi do aŭdas ĉian vokon je la krudaj apetitoj. Mem ribeli ĝi neniam kuraĝus, sed se iu ĉefo ĝin alvokas, tiam ĝi alkuras. Blankula mano malligas ĝiajn katenojn, kaj jen ĝi batalas furioze kaj obeeme.

Kun tiaj elementoj la batalo estas terura. La krueleco triumfas en la nomo de la libereco, de la justeco; fakte ĝi estas sanga milito de barbaraj gentetoj. Kie mankas la premado de organizita aŭtoritato, tie regas la perforto. La malesto de ĉia ideo pri publika intereso en la popolo kreas latentan anarkion, kiu montriĝas tuj, kiam mankas severa kontrolo. Sed oni ne devas trograndigi kaj kredi, ke tuta Meksikujo estas en fajro kaj sango; la pligranda parto de la nacio estas trankvila. La malklereco de la popolamaso igas ĝin indiferenta.

La homoj, kiuj ĝis nun sin trudis en Meksikujo, estas mistikaj tiranoj, kontraŭ kiuj neniu kuraĝis batali. Ĝendarma registaro alportas al Meksikujo trankvilecon kaj prosperecon. La longa prezidado de Porfirio Diaz plialtigis la registarajn enspezojn de 38 ĝis 265 milionoj. Nun, la lando tiurilate malprogresis je 40 jaroj.

Teorie, Meksikujo estas demokratia respubliko, dividata en memstaraj ŝtatoj. Kiam Meksikujo sendependiĝis de Hispanujo, ĝi kreis al si tian saman konstitucion, kian havas Usono. Ĝi neniam povis apliki ĝin. Nur la registaroj de Juarez kaj Diaz ebligis progresojn. Nun, Usono en la nomo de la civilizacio kaj de la homaro postulas, ke oni apliku tiun konstitucion. Sed kio estus Usono, se anstataŭ 72 milionoj de blankuloj kaj 12 milionoj de negroj, ĝi havus 72 milionojn de negroj kaj 12 milionojn de blankuloj?

Ĉu la indiana popolo povos plialtiĝi? Kulturebla ĝi estas. Grandaj prezidantoj estis Indianoj, kiel Guerrero kaj Juarez. Diaz kaj Huerta estis mestizoj. Sed kia longa kaj danĝera periodo de transiro! Kio okazus, se unu el tiuj indianaj inteligentuloj regus kun la enlanduloj anstataŭ kun la hispanidoj? Aŭ, ĉu, kiel en aliaj latinaj respublikoj, la eŭropa enmigrado ne pligrandigos la blankan parton de la loĝantaro? Eble. Meksikujo estas formiĝanta lando, en kiu sin kontraŭstaras ĉiuj elementoj, sur kiuj ni povus bazi nian opinion.

En la muzeo de Mexico estas azteka sfinkso. Ĝia senmova kaj enigma vizaĝo montras nedifineblan esprimon: ĉu krueleco, sufero, meditemo, pasio, volo, malĝojo? Tia estas la meksika animo.

Laŭ *Luigi Barzini.*

Trad.[1] *A. R.*

---

## Ĉasado en Parano

La unua impreso kiun la ĉasanto sentas en Parano[1], estas la manko de libera spaco taŭga por sinmovado: la tero estas plejparte montara, kovrita de kunpremita densejo de kreskaĵoj, tratranĉita de tre multenombraj abruptaj sulkegoj kun rapidaj montaj torentoj sur la fundo. Grandiozaj arbaroj surpremantaj la rigardanton per potenco de sia kreskaĵaro, post proksimiĝo montriĝas tre malgastemaj: lianoj, filikoj, bambuoj kaj aliaj kanoj kreas netraireblajn murojn, interplektitajn de dornaj kunvolvuĵoj kaj de altega dorna rubuso. „En Parano ĉio pikas, gratas, pinĉas" diras spertuloj. En tiaj kondiĉoj trairo eĉ de malgranda spaco, trahakante por si vojon, kaŭzas lacigon, malfortigon, vundojn. Tial, ĉi tie oni povas movi sin sole sur trairejoj faritaj de ĉevaloj kaj muloj. Iafoje, precipe najbare de riveroj, aperas herbejoj, de malproksime allogantaj la okulojn per sia hela verdaĵo. Ili ankaŭ estas netraireblaj, ĉar plej ofte ili estas dronigaj marĉoj, kovritaj de alta tranĉanta kariko. Sekve, malvaste estas al ĉasanto, dolore sentigas sin la neebleco de libera sinmovado.

Ni alkutimiĝis en la patrujo, ke niaj arbaretoj, herbejoj, akvujoj sonas per pleneco de vivo: ĉie triloj, kantoj, ĉie svarmas flugila loĝantaro. Nenion similan ni renkontas en Parano: regas silento, malpleneco, senviveco kaj kiel premige ĉi tio influos la vojaĝanton! Dum mia vojaĝo tra polaj kolonioj mi ofte dekojn da kilometroj estis iranta en tomba silento. Fine mi atingas bordon de l'akvo kaj esperas, ke almenaŭ ĉi tie mi trovos ian vivon, sed denove trompo de l'espero: ĉi tie ankaŭ senviveco! Stranga lando: floroj ne odoras, birdoj ne kantas, homoj malgajaj, krepuskaj!

Veturante al Parano mi promesis al mi multe da ĝuo pro ĉasado. Mi esperis trovi ĉi tie tian abundecon de ĉasaĵoj, pri kia la eŭropano ne povas eĉ revi. Efektive, en Parano estas pumoj (nomataj ĉi tie leonoj), jaguaroj (nomataj tigroj), tapiroj, sovaĝaj porkoj, kapreoloj, sed ĉio ĉi tio aperigas sin tiel malofte, ke oni povas vivi tutajn jarojn kaj renkonti neniun el ĉi tiuj bestoj.

[1] Unu el la sudaj ŝtatoj de Brazilio.

Ĉasado en sekvo de ĉi tieaj kondiĉoj estas farata laŭ siaspeca maniero, por ni tre sovaĝa. Brazilianoj uzas por ĉasado speciale dresitajn hundojn, kiuj en densejo flartrovas ĉasajon kaj pelas ĝin per bojado al la ĉasisto, kiu ordinare ludas pasivan rolon kaj agas nur tiam, kiam oni devas kapti aŭ mortigi la ĉasajon. Plej ofta ĉasajo estas kapreolo, el kies kelke da specoj la plej granda, punktare makulata, nomata viado pardo atingas grandecon de dujara bovino. Ĉasadon oni faras proksime de rivero. La ĉasanto lasas siajn hundojn en arbaro. Post certa, ordinare sufiĉe longa pelado, la lacigita besto atingas la bordon kaj jetas sin en akvon, esperante, ke trans la rivero ĝi evitos la persekuton. Tamen ĉi tie atendas ĝin la ĉasanto, kaŝita en ŝipeto. La kapreolo naĝas tre malrapide kaj la ĉasanto sen granda fortostreĉo povas atingi ĝin; tiam li kaptas ĝin je la oreloj, dronigas kaj eltrenas sur bordon. Ĉiu ĉasado havas sian ĉarmon, sed dronigo de senhelpa estajo impresis min tre malagrable, precipe kiam eksonis la malespera bleko de la kaptita mizerulo, bleko trompeble simila al voĉo de turmentata infano.

Pli da emocio donas la ĉasado al sovaĝaj porkoj, de kiuj estas ĉi tie du specoj: granda nigra porko de matto kaj pli malgranda arĝentkolora tateto. Porkoj aperadas grandare, iafoje po kelke da dekoj; troviĝi meze de ili ne estas sendanĝere, sekve la ĉasanto sendas la hundojn kaj li mem paŝas sufiĉe malproksime, ĉiuminute preta rampi sur arbon. Ordinare la hundoj prosperas forŝiri de aro kelke da bestoj kaj enpeli ilin inter putrajn arbojn, kie oni sendanĝere povas mortigi ilin.

Alispecaj ĉasadoj je pumoj, jaguaroj, tapiroj ktp. estas tre maloftaj kaj preskaŭ ĉiam okazaj, senintencaj: hundoj, serĉante alian ĉasajon, enpelas tapiron en akvon aŭ jaguaron sur arbon kaj per bojado alvokas la ĉasiston. Tiam, laŭ sia kuraĝo, la ĉasisto pafas aŭ singardeme cedas, devokante la hundojn. En Parano estas perdrikoj, nomataj perdiz'oj, unika ĉasajo, kiun mi povis ĉasi normale dank'al tio, ke mi posedis veran ĉashundon, tre valoran beston en Parano. Ĉi tiuj perdrikoj loĝas sur marĉoj, sed tre malmultenombre. Vespere ili per sia laŭta beleta voĉo vivigas ĉi tieajn herbejojn. Brazilianoj ne ĝuas la ĉasadon je perdrikoj, ne sciante pafi birdojn dum ilia flugo. Anasoj, anseroj, skolopoj aperadas nur unuope; estas neniaj araj trafllugoj kaj oni ne povas konsideri ilin ĉasajo.

Parano, male je najbara Argentino, tute ne posedas leporojn. Anstataŭe estas ĉi tie interesa speco de la samfamilia besteto capivary. Ĝi estas tiel persiste viveca, ke eĉ mortige vundita, ĝi forrapidas subakve, elŝovante nur post longa tempo pinton de sia nazo. La ĉasanto tiam lasas sian ŝipeton al akvofluo kaj serĉas sur la akvo aerajn veziketojn. Post ia tempo la forto forlasas la besteton kaj tiam oni prosperas mortigi ĝin kaj akiri.

*(Fino en la proksima N°.)*

*T. Chrostowski.*

Trad. *J. Chankowski* (Subdel. Novo-Minsk).

---

## La internacia fervoja transportado de sendaĵoj

Laŭ la plej ampleksa senco, la termino *kuntrafiko* montras la eblon, ke oni ĉe iu stacio povas enliveri sendaĵon por rekta transporto al stacio ĉe alia fervojo en sama aŭ en alia lando, t. e., ke la sendanto povas kunliveri rektan sendleteron, kaj ke la transporto estas ebla sen privataj agentoj por transporto inter malsamaj fervojoj aŭ landoj. Laŭ malpli ampleksa senco tiu termino esprimas tian aranĝon, ke ne nur rekta transporto povas okazi, sed ankaŭ rekta ekspedo estas ebla, t. e., ke rektaj tarifoj estas interkonsentitaj tiel, ke oni ĉe la elsendstacio povas kalkuli la transportpagon por la tuta transportdistanco.

La kondiĉo por rekta transporto estas, ke la trafikadministracioj aŭ la estraroj de la koncernaj ŝtatoj interkonsentis pri komuna regularo. La kondiĉo por rekta ekspedo estas, ke la administracioj aŭ la ŝtatestraroj plue interkonsentis pri rektaj tarifregularoj.

Se oni pli detale konsideras, kiel tiuj ĉi ambaŭ specoj de kuntrafiko de sendaĵoj — rekta transporto kaj rekta ekspedo — evoluis inter la diversaj landoj, oni trovas, ke jam en frua periodo de la fervoja komunikado la bezono estis forte konata pri malgrandigo de tiuj malfacilaĵoj, kiuj naskiĝis kiam fervoja transporto okazis el unu lando en alian. Krom el la ĉie diferencaj dogancirkonstancoj, tiuj malfacilaĵoj konsistis el la neceso komisii ĉe la limstacioj specialajn agentojn, kiuj devis ricevi la sendaĵojn, prepari novajn senddokumentojn, kaj aranĝi la plusendon; el la maloportunaĵo sendi rekte al tiuj agentoj monon por kostoj kaj elspezoj; kaj ankoraŭ plue el la juraj rilatoj inter sendaĵposedanto unuflanke kaj la fervojoj aliflanke, kiuj nepre estis difinitaj laŭ la diferencaj leĝoj de ĉiuj el la landoj, en kiuj la sendaĵo estis transportata. Inter landoj proksimaj unu al aliaj sur la kontinento, oni tial tre baldaŭ kelkloke aranĝis interkonsentojn kaj reciprokajn regulojn je la celo ĉesigi unu aŭ kelkajn el tiuj malfacilaĵoj. Daŭris tamen longa tempo ĝis oni sukcesis kunfederiĝi pri ĉie ĝenerala regularo. Nur en 1890 multaj kontinentaj landoj decidis akcepton de komuna regularo por fervoja transportado de sendaĵoj. Per la akceptiĝo de tiuj reguloj, kiujn enhavas „La Internacia Konvencio pri fervoja transportado de sendaĵoj“, efektiviĝis do por ĉiuj tiuj landoj unika interkonsento pri sendaĵa kuntrafiko, kaj pro tio estas konkludeble, ke la supredīritaj malfacilaĵoj jam ne ekzistas.

Tiuj landoj, kiuj komence akceptis la konvencion, estis Aŭstrio-Hungario, Belgujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Luksemburgo, Nederlando, Rusujo kaj Svisujo. Poste ankaŭ Danujo, Rumanujo, Svedujo, Serbujo kaj Bulgarujo aliĝis al la konvencio. Tamen ne ĉiuj fervojaj administracioj en la nomitaj landoj aliĝis, sed nur tiaj fervojoj, kiuj laŭ situacio, konstruo kaj administrado estas precipe konvenaj por tio. Detala nomaro pri la aliĝintaj diverslandaj fervojoj troviĝas en listo eldonita ĉiujare de centra oficejo en Bern, kiun starigis la koncernaj ŝtatoj por tiu ĉi trafiko kaj aliaj komunaj trafikinteresoj.

La fundamento de la konvencio estas ĝiaj reguloj pri la transportdevo de la fervojoj. Laŭ tio la fervojoj, nomitaj en la ĉiujara listo de la Berna centra oficejo, nepre devas por transporto akcepti sendaĵojn akompanatajn de rektaj sendleteroj kaj sendotajn el unu en alian el la regionoj de la kunkontraktintaj ŝtatoj. Kelkspecaj transportobjektoj tamen estas rifuzataj en internacia kuntrafiko, kaj kelke da alispecaj estas akceptataj nur laŭ difinitaj kondiĉoj.

Rifuzataj je transporto estas: a) objektoj, kies transportado estas ekskluziva monopolo de la poŝto en iu el la ŝtatoj de la transportvojo; b) objektoj, kiuj pro amplekso, pezo aŭ alia kaŭzo ne estas konvenaj por transporto; c) membruliĝemaj aŭ eksplodemaj objektoj aŭ substancoj; d) naŭzaj aŭ malbonodoraj sendaĵoj; e) ĉio, se transportpermeso ne estas citita en aldono al la konvencio.

Nur laŭkondiĉe akceptataj por transporto estas: a) la sendaĵspecoj cititaj en la jusdirita aldono al la konvencio; b) oro, arĝento, juvelŝtonoj, valordokumentoj kaj aliaj altkostaĵoj; c) korpoj de mortintoj. Rilate al tiaj ĉi transportobjektoj la reguloj estas tre detalaj.

Por tiu ĉi internacia trafiko la sendletero devas esti nepre skribita sur speciala formulo, el du partoj: la reala sendletero kaj la sendletera duplikato. La sendletero por ĝeneral-

sendaĵoj estas presita sur tute blanka papero; por rapidsendaĵoj la formulo havas supre kaj malsupre larĝan ruĝan randon. La sendletero stampita ĉe la elsendstacio estas la konfirmilo pri transportkontraktiĝo inter la sendinto kaj la fervojoj. Ĉar la sendaĵdisponanto devas povi montri sian ekzempleron de la sendletero (la sendinto la duplikaton, la adresato la realan) por konfirmi la pretendrajton kontraŭ la fervojoj, oni konsideras, ke la sendletero estas tre grava dokumento, kaj ke ĝi devas esti zorge pretigita.

*(Fino en la proks. Nº.)* Laŭ oficialaj publikaĵoj: *Jln.*

## La sep modernaj mirindaĵoj

I

Antaŭ kelka tempo la redaktoro de usona revuo, *The Popular Mechanics Magazine*, de Ĉikago, invitis milon de scienculoj reprezentantaj ĉiujn eŭropajn kaj amerikajn altlernejojn, partopreni je voĉdonado por la difino de la sep mirindaĵoj de la moderna mondo. Oni preparis tabelon montrantan 56 elpensojn sciencajn. Ĉiu konsultita eminentulo estis petata montri la sep elpensojn aŭ laborojn, kiuj ŝajnis al li la plej mirindaj. Oni ne estis devigata akcepti ekskluzive la proponojn de la listo.

La amerikaj scienculoj estis elektitaj de la sekretario de la Usona Akademio de l' Sciencoj, D-ro L. O. Howard, el Washington. La eŭropaj eminentuloj estis membroj, ĉu de la Reĝa Societo en Londono, ĉu de la Franca Akademio de l' Sciencoj, ĉu de la fakultatoj de la grandaj germanaj universitatoj. La ricevitaj respondoj estis tre afablaj. Ĉirkaŭ 70 % de la listoj revenis. La internacia karaktero de tiu enketo, la diversfakeco de la demanditaj eminentuloj liveris kelkajn vere rimarkindajn respondojn. La fina analizo montris, ke la dek jenaj elpensoj estis la plej ofte cititaj: radiotelegrafio, 244; telefono, 185; aeroplano, 167; radiumo, 165; antiseptikoj kaj antitoksinoj, 140; spektra analizo, 126, radioj X., 111; Panama kanalo, 100; anestezio, 94; sinteza ĥemio, 81.

La sep mirindaĵoj de la antikva mondo estis elektitaj de la grekoj longatempe antaŭ la naskiĝo de Kristo. De tiu malproksimega epoko oni ne provis difini la sep novajn mirindaĵojn. La generacioj sekvis unu la alian, akceptinte la decidon de la antaŭaj. Fakte, ekzistis nenia favora cirkonstanco por alpreni alian decidon. Kun la jaroj la civilizacio malprogresis; post du mil jaroj ni povis, inter ĉiuj mirindaĵoj faritaj de la homa mano, citi nur kelkajn katedralojn kaj pentraĵojn.

El la sep mirindaĵoj de la antikva mondo, nur unu havis praktikan utilecon: la lumturo de Aleksandrio alta je ĉirkaŭ 180 metroj. Inter la aliaj, ni unue trovas la Babilonajn ĝardenojn, konstruitajn ne por la popolo, sed por la plezuro de voluptama reĝino, poste du tombojn (la Egiptaj piramidoj, la tombo de reĝo Maŭzolo) unu belegan templon dediĉitan al diino (templo al Diano en Efezo), la Koloson de Rhodes, kiu entute estis nur stranga bronzartaĵo kaj ne havis la duonon de la pezo de la Statuo al la Libereco en Nov-Jorko, fine la statuon de Apollo, belega tipo de estetika idealo. Sed neniu el tiuj mirindaĵoj estis kreita por la plinobligo aŭ pli bona stato de la popolo.

Dum la XXa jarcento ni estas antaŭenpuŝataj de vigla scienca movado kaj novaj fiziologiaj scioj, pri kiuj la antikvuloj ne havis eĉ plej malgrandan ideon.

Ni provu kompari la malnovajn mirindaĵojn kun la modernaj:

Ĉu la Panama Kanalo, tiu inĝeniera ĉefverko tiel sentima, ke oni povas ĝin kompari nur kun la naturo mem, ne estas inda lokiĝi inter la sep modernaj mirindaĵoj? Kolonelo Goethas, kun siaj laboristoj kaj maŝinoj, povus en kelkaj semajnoj starigi mason, kiu igus sensignifa la Grandan Piramidon, kvankam ĝia konstruado postulis 100.000 laboristojn kaj 20 jarojn de laborado. Plie, kiam ĝi estis finita, ĝi servis nur kiel ripozloko de kelkaj homaj ostaroj de longe disiĝintaj, dum la Panama Kanalo ĉiam utile servos al ĉiuj popoloj de la mondo. Ĝi estos la rimedo, per kiu en tempo de malsato oni rapide alportos la nutraĵojn de la fruktodonaj landoj al la senfruktaj; tiu interkomunikilo najbarigos kaj rilatigos naciojn antaŭe fremdajn. Tamen, tiu moderna mirindaĵo, kun ĉiuj ĝiaj utiloj, estas malpli mirinda ol la rilato donita de simpla lumradio, kiel malkaŝas al ni la spektra analizo.

La Babilonaj ĝardenoj estis nur artefarita monteto sur unutona ebenaĵo; ilin konstruis sklavoj por bruaj festoj kaj fuŝĝojoj de malvirta kortego. Tamen, kiel malmulte aspektas tiu laboro, kiu tiel forte ekscitis la fierecon de la antikvuloj, flanke de boteleto de antitoksino, kiu venkas la malsanon de la plej humila homa estaĵo?

Kio estas tiu bela malvarma bronza statuo kompare kun la elektraj ondoj de Marconi forportataj tra la spaco kaj per nevideblaj fadenoj kunligantaj la ŝipojn sur la plena maro je miloj de kilometroj?

Kion valoras la beleco de la templo al Diano kompare kun la ne ankoraŭ malkaŝitaj bonfaroj de la radiumo?

La beleco de niaj modernaj mirindaĵoj kuŝas en ili mem, ne en la ilo, kiu ilin kreis. Laŭ la antikvuloj mirindaĵo devis esti farita de forta brako; ĝiaj kvalitoj estis simple tiuj, kiuj reprezentas la fortecon kaj la grandecon; niajn modernajn mirindaĵojn inspiras la progreso de la homaro kaj de ĉiu homa vivo; ilin kreas la cerbo, ne la muskolo. La sep mirindaĵoj! Kiel ili aspektos en la 40a jarcento, kiam la scienculoj de tiu malproksima epoko rigardos malantaŭen kaj trarigardos la sep mirindaĵojn, kiujn ni nun elektas. Nedubeble ni tiel malmulte povas antaŭvidi la sep mirindaĵojn de tiu venonta tempo, kiel la antikvuloj povus kompreni niajn nunajn sciojn, se ili revenus inter ni.

En proksimaj artikoloj ni priskribos la sep mirindaĵojn de la moderna mondo.

*(Daŭrigota.)* Trad.[1] *A. R.*

[1] El *Bulletin de l'Union Panaméricaine*.



## Al niaj Abonantoj

**La pli granda parto de niaj abonoj finiĝas en tiu monato. Ni do petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 5 frankojn (2 Sm.).**

**La jara abono al la luksa eldono, presata sur pli bona papero kaj broŝurita, kostas 6,25 frankojn (2,50 Sm.). Tiu luksa eldono estas aparte rekomendinda al personoj dezirantaj konservi la gazeton por la bindado.**



# ☆ NOTOJ ☆

.˙. **La lerneja ŝparkaso en Kolding (Danujo).** — Leginte la artikolojn pri lerneja ŝparo en Svisujo mi deziras sciigi iom pri la lerneja ŝparkaso en mia urbo, la dana urbo Kolding, ĉar nia sistemo de ŝparado bone sukcesis.

Laŭ la regularo de la ŝparkaso la celo estas ebligi al la lernantoj ŝpari sumon, kiu estos utila je la eliro de la lernejo, kaj praktike instrui ilin pri ŝparemeco. Ĉiu infano en la komunumaj lernejoj povas esti ŝparanto, kiam li enmetas Kr. 0. 10; alie la plej malgranda enmeto estas Kr. 0. 05; ĉiu enmeto estos dividebla per 5. Ĝenerale la ŝparantoj ne povas ricevi sian monon, antaŭ ol ili eliros de la lernejo. Se la gepatroj postulas pli fruan repagon, la estraro de la ŝparkaso povas plenumi la postulon, se estas specialaj kaŭzoj por tio. Kiam la ŝparanto entute enmetis Kr. 1. — , li ricevos rentojn, nuntempe 2 % duonjare, kiuj estos enskribitaj en lia ŝparlibro. Ĉiu ŝparanto nome havas ŝparlibron, kiun li mem konservas kaj kunportas al la lernejo, kiam li enmetos monon. Ĉiu lundo — krom dum libertempo — estas ŝpara tago, kaj en la unua instruadhoro la ŝparantoj donas la monon al la klasa instruist[in]o, kiu enskribas la sumojn en la libroj de la ŝparantoj kaj en la klasa ŝparlibro. En ĉiu lernejo estas instruist[in]o, kiu kolektas la enmetojn de ĉiu klasoj kaj — ordinare ĉiusemajne — enmetas la tutan sumon en la ŝparkaso de Kolding. Por instigi la lernantojn al konstanta ŝparado, oni donas malgrandajn premiojn — enskribotajn en la ŝparlibroj — al la plej diligentaj ŝparantoj, kaj plej diligentaj ne estas tiuj, kiuj entute enmetis la plej grandajn sumojn, sed tiuj kiuj plej ofte enmetis sumojn, kaj notinde estas, ke ordinare ŝparanto ne povas atendi ricevi premion, se li pli ol unu fojo dum jaro ne enmetis sumon, kvankam preskaŭ okono de la ŝparantoj povas ricevi premion. La instruisto, kiu en ĉiu lernejo estas kasisto, ankaŭ estas kalkulisto, kaj pro tio havas grandan laboron. Ili tial ankaŭ ricevas pagon pro tio, parte de la urba kaso, parte de la ŝparkaso, sed certe estas tro malgranda pago, tiel ke se ili ne havus intereson pro la afero, ili certe ne farus tion. Ĉar estas tri komunumaj lernejoj, ankaŭ estas tri kasistoj, kiuj kune kun kvara instruisto estas la estraro. La ŝparkaso de Kolding elektas kaj pagas revizoron, kaj krome la lernejŝparkaso devas sendi sian jarkalkulon al la ŝtata ŝparkasinspektoro, kiu havas la rajton inspekti la ŝparkason.

Por montri, kiel la ŝparkaso sukcesis mi donos statistikon:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 31 III. 1902 | estis | 683 | ŝparantoj | (46 % | de la lernantoj) en kies libroj staris Kr. | 10.104.52 |
| 31 III. 1904 | „ | 738 | „ | (47 % | „ „ „ „ „ „ „ „ | 12.274.19 |
| 31 III. 1906 | „ | 1034 | „ | (58 % | „ „ „ „ „ „ „ „ | 16.672.74 |
| 31 III. 1908 | „ | 1228 | „ | (64 % | „ „ „ „ „ „ „ „ | 22.253.67 |
| 31 III. 1910 | „ | 1292 | „ | (66 % | „ „ „ „ „ „ „ „ | 25.681.71 |
| 31 III. 1912 | „ | 1376 | „ | (69 % | „ „ „ „ „ „ „ „ | 30.059.38 |
| 31 III. 1913 | „ | 1550 | „ | (77 % | „ „ „ „ „ „ „ „ | 31.596.— |

Oni tiel povas vidi konstantan kreskon kaj en la nombro de ŝparantoj, absolute kaj proporcie, kaj en la ŝparita sumo. Dum la jaro 1 aprilo 1912 ĝis 31 marto 1913 la ŝparantoj enmetis Kr. 14.640.— en 32.002 enmetoj, meznombre ĉiu ŝparanto enmetis ĉ. Kr. 9. 40, aŭ 20foje Kr. 0. 47. Meznombre enmeti sumon 20foje dum unu jaro ankaŭ estas bona rezultato, ĉar estis malpli ol 40 ŝpartagoj.

En kelkaj aliaj danaj urboj estas similaj ŝparkasoj kun similaj rezultatoj, sed tamen ne tiel bonaj kiel ĉi tie. Diversloke ankaŭ estas vendataj specialaj ŝparmarkoj, sed oni per tio havas nek tiom da ŝparantoj nek — proporcie — tiel grandajn sumojn. — *P. Zoffmann*, instruisto (Del., Kolding).

.˙. **Duspesdekaj vegetaraj manĝoj en Londono.** — Inter ĉiuj urbegoj de la mondo Londono superas rekordon pri la nombro de malsatantoj. Unu el la plej interesaj helpprovoj estas la duspesdekaj manĝoj por infanoj. Tiu ĉi bonfara entrepreno troviĝas sub la aŭspicioj de Londona Vegetara Societo. Ĝi liveris jam pli ol 2 milionojn da manĝoj al la malriĉaj infanoj de Londono. La manĝo estas pure vegetara kaj donata por pago de 2 sd. (½ penco). La infanoj ricevas nutran supon kun griza pano kaj pudingon. Al la Societo tia manĝo kostos iom pli ol 1 pencon (4 sd.). — *A. Ŝ.*

.˙. **Statistiko pri la Balkanaj ŝtatoj.** — La respektiva grandeco de la Balkanaj ŝtatoj post la milito estas demando diskutata ĉie, sed ofte ne kontentige respondata. Kun surfaco de 120.000 km² *Bulgarujo* havas nun 5 milionojn da loĝantoj kontraŭ 96.345 km² kaj 4.329.000 antaŭ la milito. La pligrandiĝo atingas ¼ de la antaŭa teritorio kaj ⅙ de la loĝantaro. Post *Rumanujo*, kiu kalkulas nun 7½ milionojn da loĝantoj sur teritorio de 130.000 km² (7650 pli ol en 1912), Bulgarujo restas la plej granda Balkana ŝtato. *Serbujo* pligrandiĝis de 48.303 km² kun 2.957.000 loĝantoj ĝis 90.000 km² kun 4.200.000 loĝantoj. *Grekujo* dum 1912 havis 64.657 km² kun 2.632.000 loĝantoj; ĝi nun havas ĉ. 108.000 km² kun 4.500.000 loĝantoj. Serbujo kaj Grekujo sekve akiris pligrandigon, kiu ne estis multe pli malgranda ol ĉiu el ambaŭ landoj pli frue kaj pligrandigon de la loĝantaro, kiu korespondas en Serbujo al proksime ⅓ de la ĝisnuna, en Grekujo eĉ al pli ol la duono, proksimume 60 %. La ĝis nun plej malgranda Balkana lando, Montenegro dum 1912 havis 9080 km² kun 285.000 loĝantoj; ĝi grandiĝis al 16.000 km² kun preskaŭ 500.000 loĝantoj. La proporcio de l' grandiĝo estas do la sama kiel ĉe Serbujo kaj Grekujo, sed malgraŭ tiu relative grandega pligrandiĝo, Montenegro restas la plej malgranda ŝtato, ĉar *Albanujo*, nove kreita, havas 32.000 km² kaj 850.000 loĝantojn. Ĉiuj landoj, sekve, kreskis laŭ teritorio kaj loĝantaro; sole Turkujo, de 169.300 km² kun 6.130.000 loĝantoj malgrandiĝis al 23.000 km² kun 1.600.000 loĝantoj en sia eŭropa parto. Peza perdo, sed eble ne tiel granda kiel ĝin prezentas la sekaj ciferoj, se oni priatentas, kiel nebonesperaj regionoj, kiel multnombraj popoloj malamikaj al Turkujo troviĝis en la ceditaj teritorioj.

Por pli bona kompreno de la supre dirito ni aldonu, ke kun la eŭropaj ŝtatoj laŭ surfaco post *Italujo* (286.682 km²) sekvas *Rumanujo* (preskaŭ duone granda), *Bulgarujo* (preskaŭ ⅖ de Italujo), *Grekujo* (iom pli malgranda ol ⅖ de Italujo, poste *Portugalujo* (92.675), *Serbujo* (preskaŭ egala al Portugalujo), *Svisujo*, *Nederlando*, nur ĉirkaŭ 2000 km² pli granda ol *Albanujo*, post kiu venas *Belgujo* kun 29.451 km², poste *Eŭropa Turkujo* kaj *Montenegro*.

La vico fariĝas tamen alia kiam oni konsideras la loĝantaron. Tiam *Rumanujo* (7½ milionoj) venas antaŭ *Belgujo* (7.424.000), *Nederlando* (6.022.000), *Portugalujo* (5.957.000), *Svedujo* (5.522.000), kaj nur post tio venas *Bulgarujo* (5 milionoj), *Grekujo* (4.300.000), *Serbujo* (4.100.000), *Svisujo* (3.765.000), *Danujo* (2.775.000), *Norvegujo* (2.393.000), *Eŭropa Turkujo* (1.693.000), *Albanujo* (850.000), *Montenegro* (500.000). Pli grandan ideon pri la denseco de la loĝantaro en la Balkanaj ŝtatoj, ni ricevas komparante ĝin kun kelkaj urbegoj: *Londono* 6.900.000, *Nov-Jorko* 4.770.000, *Parizo* 3.850.000, *Berlino* 3.720.000. Pli multnombran loĝantaron ol tiu de Montenegro havas ne malpli ol 58 urboj, inter kiuj *Budapeŝto* kun 882.000 loĝantoj (ĝi sekve lasas ankaŭ Albanujon post si) kaj *Praha* 530.000, pli multe ol tuta Montenegro. — *H. Krestanof* (Dijon).

.˙. **La salajrata virino en la ekonomia mondo.** — La Internacia Sindikata Oficejo antaŭ nelonge studis la gravecon de la partopreno de la virino salajrata en la industrio, komerco kaj agrikulturo de la ĉefaj lando. Tiu graveco estas nedubinda, kiel montras la suba statistiko:

| Lando | Nombro | Procento |
|---|---|---|
| Francujo | 4.950.000 | 53.3 |
| Aŭstrio | 5.684.000 | 51.5 |
| Italujo | 5.284.000 | 50.1 |
| Svisujo | 1.556.000 | 46.9 |
| Germanujo | 9.492.000 | 45.5 |
| Belgujo | 948.000 | 49.9 |
| Hungarujo | 2.885.000 | 45.1 |
| Britujo | 5.309.000 | 44.9 |
| Danujo | 352.000 | 44.9 |
| Hispanujo | 1.351.000 | 39.9 |
| Norvegujo | 277.000 | 39.5 |
| Usono | 5.329.000 | 38.4 |
| Svedujo | 551.000 | 38.4 |
| Nederlando | 433.000 | 57.8 |
| Rusujo | 5.276.000 | 24.9 |

Tio montras, ke la virinoj ludas ekstreme gravan rolon en la ekonomia vivo de la modernaj popoloj. — Laŭ *Les Documents du Progrès*.

FELIETONO

# POST LA BALO

Postmorta rakonto de *L. N. Tolstoj*, trad. *A. Koĥ* (Varsovio)

III

Et la balo mi forveturis post la kvara horo; dume mi atingis la hejmon, restis hejme, pasis ankoraŭ ĉirkaŭ du horoj; do, kiam mi eliris, jam estis hele. Estis vere karnavala vetero: estis nebulo; saturita per la akvo la neĝo degelis sur la vojoj, kaj de ĉiuj tegmentoj gutis. B. loĝis tiam en fino de la urbo apud la granda kampo, ĉe kies unu rando estis promenejo, kaj ĉe la dua nobelknabina edukejo. Mi trapaŝis nian dezertan strateton kaj eniris la grandan straton, kie komencis renkontiĝi piedirantoj kaj ŝarĝistoj kun la ligno sur glitveturiloj, atingantaj per la glitiloj la pavimon. Kaj la ĉevaloj, egalmezure skuantaj sub poluritaj arkoj la malsekiĝintajn kapojn, kaj matkovritaj veturigistoj, plaŭdantaj per grandaj botoj apud la veturiloj, kaj domoj de la strato, ŝajnis esti en la nebulo tre altaj — ĉio estis por mi precipe ĉarma kaj signifa.

Kiam mi eniris la kampon, kie troviĝis ilia domo, mi ekvidis ĉe ĝia rando, direkte al la promenejo, ion grandan, nigran kaj mi ekaŭdis fluantajn de tie sonojn de fluto kaj tamburo. En la animo mia oni senĉese kantis kaj neofte aŭdiĝis melodio de mazurko. Sed tiu ĉi estis ia alia, kruda, nebona muziko.

„Kio ĝi estas?“ ekpensis mi kaj, je la glitiga vojo veturilmarkita meze de la kampo, iris direkten al la sonoj. Trairinte ĉirkaŭ cent paŝojn, mi tra la nebulo komencis distingi multe da nigraj homoj. Verŝajne soldatoj. „Kredeble, ekzercoj“, ekpensis mi kaj kune kun la forĝisto en grasmakulita duonŝafpelto kaj antaŭtuko, portinta ion kaj irinta antaŭ mi, mi alvenis pli proksime. Soldatoj en nigraj uniformoj staris je du vicoj unu kontraŭ la alia, tenante la pafilojn ĉe la piedoj, kaj ne moviĝis. Post ili staris tamburistoj kaj flutisto kaj, kontinue, ripetadis ĉiam la saman, malagrablan krieteman melodion.

— Kion ili faras? — demandis mi la forĝiston, haltintan apud mi.

— La tataron ili punas pro la forkuro — kolere diris la forĝisto, rigardante la malproksiman ekstremaĵon de la vicoj.

Mi komencis rigardi same tien kaj ekvidis meze de la vicoj ion teruran, proksimiĝantan al mi. Proksimiĝanta al mi estis, nudigita ĝis la lumbo, homo, alligita ĉe pafiloj de du soldatoj, kiuj lin kondukis. Apud ili iris alta militulo en palto kaj ĉapo; lia figuro ŝajnis esti al mi konata. Konvulsiante per tuta korpo, plaŭdante per la piedoj je la degela neĝo la punato sub la batoj ŝutiĝantaj sur lin de ambaŭ flankoj proksimiĝadis al mi, jen renversiĝante posten — kaj tiam serĝentoj, detenante lin kontraŭ la falo, tiris lin reen. Kaj, ne malfruiĝante post li, sekvis per firma, ektremanta irmaniero alta militulo. Ĝi estis ŝia patro, kun lia rozkolora vizaĝo kaj blankaj lip- kaj vangharoj.

Ĉe ĉiu bato la punato, kvazaŭ miranta, turnis tiuflanken la vizaĝon sulkigitan de suferoj, kie falis la bato, kaj, montrante blankajn dentojn, ripetadis iajn, ĉiam la samajn, vortojn. Nur kiam li estis tute proksime, mi aŭdokomprenis tiujn vortojn. Li ne parolis, sed plorĝemis: „Fratuloj ekkompatu. Fratuloj ekkompatu!“ Sed la fratuloj ne kompatis, kaj, kiam la procesio tute proksimiĝis al mi, mi vidis, kiel, staranta kontraŭ mi, soldato decide faris paŝon antaŭen kaj, kun fajfo eksvingis la bastonon, forte ekvipis per ĝi la dorson de la tataro. La tataro puŝiĝis antaŭen, sed la serĝentoj detenis lin, kaj la sama bato falis sur lin de la alia flanko, kaj ree de la unua, kaj ree de la dua...

**La kolonelo paŝis apude kaj, rigardante jen sub siaj piedoj, jen al la punato, enspiris la aeron, pufigante la vangojn, kaj malrapide elspiradis ĝin trans la etenditan lipon. Kiam la procesio** preteriris la lokon, kie mi staris, mi unumomente ekvidis inter la vicoj la dorson de la punato. Ĝi estis io diverskolora, malseka, ruĝa, nenatura, tia ke mi ne kredis, ke ĝi estas la korpo de homo.

— Ho, Dio! — eldiris apud mi la forĝisto. La procesio komencis malproksimiĝi. Ĉiam same falis de ambaŭ flankoj batoj sur la faletantan, kurbiĝantan homon, kaj ĉiam same krakis la tamburoj kaj fajfsonis la fluto, kaj ĉiam same per firma paŝado moviĝis la alta, statura figuro de la kolonelo apud la punato. Subite la kolonelo haltis kaj rapide proksimiĝis al unu el la soldatoj:

— Mi cin fuŝbatos — ekaŭdis mi lian koleran voĉon. — Ĉu ci fuŝbatos ankoraŭ? Fuŝbatos?

Kaj mi vidis, kiel li per sia forta mano en ŝama ganto frapis la vizaĝon de la timiĝinta, malaltkreska, malforta soldato pro tio, ke li ne sufiĉe forte metis sian bastonon sur la ruĝan dorson de la tataro.

— Donu freŝajn „ŝpicruten'ojn“![1] — ekkriis li, rigardante posten, kaj evidis min. Ŝajnigante, ke li ne konas min, li, severe kaj kolere sulkiginte la frunton, rapideme deturniĝis. Al mi estis ĝis tia grado honte, ke mi, nesciante, kien rigardi, kvazaŭ mi estis kaptita je tiu malinda ago, mallevis la okulojn kaj rapidis foriri hejmen. Dum la tuta vojiro en miaj oreloj jen krakis la tamburbatoj kaj fajfsonis la fluto, jen aŭdiĝis la vortoj: „Fraĉjoj ekkompatu“, jen mi aŭdis la memkonfidan, koleran voĉon de la kolonelo, krianta: „Ĉu ci fuŝbatos? Fuŝbatos?“ Kaj samtempe en la koro estis preskaŭ fizika, atinganta la naŭzon, sopiro, tia, ke mi kelkafoje haltis, kaj ŝajnis al mi, ke jen-jen mi vomos per ĉiu tiu teruraĵo, kiu eniĝis en min post tiu spektaklo. Mi ne memoras, kiel mi atingis la hejmon kaj kuŝis. Sed kiam mi komencis endormiĝi, mi ekaŭdis kaj ekvidis denove ĉion kaj eksaltis.

„Kredeble, li scias ion tian, kion mi ne scias — pensis mi pri la kolonelo. — Se mi scius tion, kion li scias, mi komprenus ankaŭ tion, kion mi vidis, kaj ĝi ne turmentus min.“ Sed, malgraŭ ĉiuj miaj penoj, mi ne povis kompreni tion, kion scias la kolonelo, kaj mi ekdormis nur ĉirkaŭ la vespero, kaj nur post tio, kiam mi iris ĉe amikon kaj drinkis kun li ĝis plena ebriiĝo.

Do, ĉu vi pensas, ke mi tiam decidis, ke tio, kion mi vidis, estis malbona afero? Neniom. „Se ĝi estis farata kun tia certeco kaj estis konsiderata de ĉiuj kiel necesa, do, kredeble, ili scîis ion, kion mi ne sciis“ pensis mi kaj penis ĝin ekscii. Sed malgraŭ ĉiuj penoj, eĉ poste, mi ne povis ĝin ekscii. Kaj ne eksciinte, mi ne povis min instali por militservo, kiel mi volis antaŭe, kaj ne nur mi ne militservis, sed nenie mi servis kaj por nenio, kiel vi vidas, mi taŭgis.

— Nu, ĝin ni scias, kiel vi por nenio taŭgis — diris unu el ni. — Diru prefere: kiom da homoj por nenio taŭgus, se vi ne ekzistus.

— Nu, kaj la amo? demandis ni.

— La amo? La amo de tiu tago komencis malfortiĝi. Kiam ŝi, kiel tio ofte al ŝi okazis, kun rideto sur la vizaĝo enpensiĝadis, mi tuj rememoradis la kolonelon sur la placo, kaj por mi iĝis iel konfuze kaj malagrable, kaj mi lasis malpli oftan renkontiĝon kun ŝi. Kaj la amo tiamaniere malgrandiĝis ĝis nenio. Do, jen kiaj aferoj okazas, kaj pro kio ŝanĝiĝas kaj modifiĝas la tuta vivo de homo. Sed vi diras... — finis li.

Fino.

[1] „Ŝpicruten'oj“ — speco de korpa puno, enkondukita de Petro I kaj aboliciita en 1863; kondamniton oni trakondukis inter du vicoj da 100—300 soldatoj („verda strato“) armitaj je bastonoj, per kiuj ili vipis la kondamniton sur la nuda dorso; ĝi estis aplikita precipe en militistaro. — *Rim. de l'trad.*

# Bileto de blankbarbulo

## *Ree por la blinduloj*

*Permesu, karaj legantoj, ke mi ree turnu min al vi kun arda alvoko por la blinduloj.*

*Vi scias, kiel grava ŝajnas al mi tiu ĉi demando ne nur el problindula vidpunkto, sed ankaŭ el nia pure Esperanta.*

*Mia konvinko estas, ke, kiam oni konstatos la praktike grandan utilecon alportatan de internacia lingvo al la tutmonda blindularo, oni ne plu povos nei ĝian utilecon por ĉiuj ajn homoj ankaŭ.*

*Tiun pruvon sur la blindula kampo mi tre dezirus montri fakte dum nia deka Kongreso, en Parizo.*

*Sed ebla ĝi estos nur, se ĉiuj helpos al mi laŭ sia povo kaj forto.*

*Jam la franca Ministro por Internaj Aferoj bonvolis pruntedoni al ni senpage por la geblinduloj dormoĉambregojn en la* Nacia Instituto por junaj geblinduloj.

*Aliajn ĉambregojn ili havos por siaj laborkunsidoj, en kiuj ili diskutos ne la lingvon, ho ne! sed la praktikajn aferojn, kiuj ilin koncernas: enkonduko de Esperanto en iliajn lernejojn, blindulskribilaroj, internacia biblioteko, rabato por la poŝtsendado de punktreliefaj libroj, masaĝlernejoj ktp.*

*Pri la nutrado dum la Kongreso ni zorgis, kaj ĝi ankaŭ nenion kostos al niaj blindaj samideanoj.*

*Sur la francaj fervojoj, kiel ĉiuj kongresanoj, ili havos gravan rabaton, kaj de tiu ĉi flanko ankaŭ por ili ne tro granda estos la elspezo.*

*Fine la kongresa komitato konsentas al la neriĉaj inter ili, kiel jam okazis en Cambridge, diversajn tute ŝatindajn donacojn.*

*Aliparte oni nun organizas en Parizo grandan Komitaton de sinjorinoj, Esperantistinoj aŭ simple blindulamikinoj, el plej altaj kiel modestaj klasoj, sub esperEble eminenta patronado, kies celo estos alporti iom da distraĵo, da ĝojo, da tutmonda lumo al la geblinduloj pere de nia kara internacia lingvo.*

*Tion nun mi petas de vi, amikoj, ke, se eble, vi starigu en via lando, en via urbo, en via grupo samajn komitatojn, turnante vin ne nur al la koro kaj bonfaremo de la Esperantistinoj, sed al tiu de ĉiuj blindulamikinoj, de ĉiuj virinoj.*

*Kun ilia helpo vi sukcesos sendube altiri la ĝeneralan atenton, la ĝeneralan simpation sur niajn blindulojn esperantistajn — plej grava profito ne nur por la blindularo, sed ankaŭ por Esperanto — kaj vi plie trovos rimedon por sendi Parizon lertan, Esperante bone parolantan blindulon, kiun vi povos preni kun vi kaj al kiu ĉiumaniere vi povos faciligi la veturadon. Tute necese estas, por ke utila estu nia blindula kongreso, ke sufiĉe multaj, diverslandaj kaj elokventaj estu la en ĝi partoprenantoj.*

*Ne rifuzu, amikoj, vian kunlaboradon al la Blankbarbulo kaj pardonu lian certe tro oftan insistemon.*

Th. Cart,
*12. rue Soufflot, Paris.*

P. S. *Sciigojn donos tre volonte por* Anglujo: *S-ro* ***Adams****, Plynlimmon Terrace, Hastings, kaj S-ro P. O.* ***Merrick****, Elvetham, Schepperton; por* Belgujo: *Frato Isidore, Woluwe-Bruxelles; por* Aŭstrio-Bohemujo: *Prof.* ***Macan****, Klarov 131, IIIa etaĝo, Praha; por* Danujo: *Prof.* ***Wulff****, Nyhavn 34, Kopenhago; por* Germanujo: *S-ino* ***Zapata-de-Chalmot****, Neue Mästrichterstr. 15, Köln; por* Rumanujo: *S-ro* ***Prezenti Levi****, Vatra luminoasa, Bukarest; por* Svedujo: *S-ro* ***Thilander****, Majorsgatan 12, Stockholm.*

Pro la „Bileto de blankbarbulo" aperinta en nia No de la 5 Februaro, S-ro Couturat, asertante, ke li estas persone atakita, postulas, ke ni enpresu same longan respondon. Por juĝi la pretendon de S-ro C., ni petas, ke niaj legantoj bonvolu relegi la diritan Bileton (paĝ. 28); ili konstatos, ke nia ŝatata kunlaboranto tute ne persone atakis S-ron C., kio cetere neniel estas lia kutimo (Ne S-ro C. povus diri la samon!). Plie, por ke niaj legantoj povu ŝati la tonon de S-ro C., ni petas de li la permeson traduki la finon de lia letero: „Cetere, trankviliĝu: la lastan fojon mi alvokas al via lojaleco. Sed bone pripensu antaŭ ol sendi vian respondon, ĉar per ĝi vi montros je kio vi estas kapabla, kaj vi klasigos vin definitive inter la honestuloj ... aŭ inter la aliaj. Mi povas certigi al vi, ke se vi ne plenumas vian ĵurnalistan devon, la fakto estos konata de la personoj, kies estimon vi plej ŝatas; kaj ĝi ne honorigos la movadon, kiun vi pretendas servi. Oni tiel vidos la internan ideon, kiu inspiras vin." *(Louis Couturat).* *Red.*

# KRONIKO

Ni rememorigas, ke por la redakto de tiu rubriko ni bezonas la kunlaboradon de ĉiuj legantoj, speciale de ĉiuj Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn *freŝajn* informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp. Oni bonvolu skribi koncize kaj tre legeble. Por esti enpresataj en la plej proksima N-ro, ĉiuj komunikajoj devas esti ricevataj de ni *antaŭ la 10a kaj 25a de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* *La redakcio.*

## Aŭstrio-Hungario.

*Budapest:* En la tria kvarono de 1913 okazis 16 kursoj kun entute 385 lernantoj. — *Capodistria:* S-ro P-ro D. Cossaro, Del., estas elektita kiel dumviva honora membro de „Gerona Espero", Hispanujo. — *Graz:* La 19 februaro S-ro magistrato G. Teltschik faris interesan paroladon en la Stiria Esp. Societo pri la evoluado de la steloj. Li samtempe montris belegajn de li faritajn lumbildojn pri nebulaĵoj kaj precipe pri la supro de la luno. Per tiu parolado S-ro Teltschik adiaŭis sin de Graz. Li estis unu el la unuaj pioniroj en Graz kaj kunfondinto de la St. E. S. kaj de la Akademia Esp. Societo. — *Isola d'Istria:* La 31 januaro S-ro P-ro D. Cossaro faris sukcesan paroladon okaze de la fermo de la kurso. — *Klagenfurt:* La 10 februaro S-ro Homer faris propagandan paroladon. — *Plzen:* La 25 februaro kurso komenciĝis sub gvidado de S-ro P. Novohradsky, Del. — *Szabadka:* F-ino E. de Ŝator gvidas kurson kun 50 anoj. — *Trento:* Dank'al la klopodoj de S-roj G. Marchetti, Del., kaj F. Gerloni, la urbestraro disponigis senpagan ĉambregon, en kiu okazas nun du bone vizitataj kursoj gvidataj de S-ro G. Kettmaier. Alia kurso okazas en la reĝa imperia komercakademio, gvidanto estas S-ro D-ro V. Peratoner. — *Villach:* La kurso, kiu finiĝis en februaro, estis vizitita de 36 anoj, el kiuj 14 faris ekzamenon pri kapableco.

## Belgujo.

*Antwerpen:* La grupo Suda Lumo eldonas monatan bultenon. — *Gent:* La grupo eldonas nun monatan propagandan bultenon, Esperante, flandre kaj france, sub la titolo: Gento-Esperanto. — *Mechelen:* La tieaj samideanoj komencas la organizadon de la Belga Esp. Kongreso.

## Britujo.

*Accrington:* Nova kurso kun 12 anoj gvidata de S-ro S. Kirkbright. — *Letchworth:* En la loka Klubo okazas kvar kursoj kun 46 anoj. — *Warrington:* La 18 februaro okazis la jarfesto en la League Hall; ĉeestis 100 personoj. La programo konsistis el visto, kantoj, dancado kaj propagandaj paroladoj.

## Francujo.

*Bizerte:* S-ro L. Mondésir komencis kurson en supera lernejo kun 15 anoj. — *Châlon s. S.:* La urbkonsilantaro voĉdonis monhelpon por la grupo. — *Cholet:* La grupo aranĝis la 8 februaro belan feston kun balo. — *Grenoble:* Estas gvidataj 13 kursoj: 10 oficialaj en urbaj lernejoj kun 200 lernantoj, 2 oficialaj en la Asocio de eksterlerneja instruado kaj unu en la Esp. Societo. — *Limoges:* La 29 januaro S-ro G. Lelarge el Poitiers faris antaŭ 150 gejunuloj propagandan paroladon pri Esp. kaj UEA. — *Mâcon:* La urbkonsilantaro konsentis monhelpon al la grupo. — *Paris:* Dum la lasta kunsido de E. S. F. I. O. la sekretario raportis pri la kunvenoj en Laborborso. De nun funkcias la Franca Laborista Esp. Unuiĝo, kies sidejo estas 121, rue de la Convention. La kunvenoj okazas samtempe kun tiuj de la Komitato por organizo de la Laborista Kongreso. Oni decidis, ke la akcepta kunveno okazu la 2 aŭgusto kaj dum la semajno publika mitingo. La partoprenontaj kamaradoj bonvolu sendi sian adreson al „Le Travailleur Espérantiste", 121, rue de la Convention. — La proksima kunveno okazos la 15 marto. — *Pré St-Gervais:* La 25 januaro la grupo festis la trian datrevenon de sia fondiĝo en la urba teatro; ĉeestis 1000 personoj. Prezidis S-roj Rollet de l'Isle, prezidanto de la S. F. P. P. E., Bricard, prezidanto de la pariza grupo, la urbestraro kaj S-ro Jacquemin, ĝenerala konsilanto. Ankaŭ la direktoroj de la lernejoj sekvis la inviton ĉeesti. Post paroladoj de S-roj Rollet de l'Isle, Bricard kaj Knopf komenciĝis brila koncerto sekvata de la unua prezentado de la komedieto „Débacle évitée" de S-roj Laget kaj Sarnette. Tiu komedieto estis zorge kaj lerte ludita de „Teatra Stelo", kaj brua aplaŭdo rekompencis la aktorojn. La festo finis per alia komedieto egale bone ludita.

## Germanujo.

*Dresden:* La jarfesto de la Societo Esperanto okazis la 13 januaro en salonego de Vereinshaus kaj estis vizitata de ĉirkaŭ 600 personoj. La programo konsistis el diversaj kantoj, esp. teatraĵo: „La amfesteno en la kuirejo" kaj el speciale por tiu festo verkita „Esperanto-Revuo". Loterio kaj balo plenigis la reston de la vespero. — La 10 februaro okazis la monata kunveno en la Esperanto-hejmo; oni sin okupis ĉefe pri aranĝaĵoj dum la somero. — La Orienta Grupo de S. E. aranĝis la 16 februaro postfeston de la 70a naskotago de S-ino Hankel en la Esperanto-hejmo. Komunaj kantoj, festparolado de S-ro J. Karsch, diversaj salutparoladoj de reprezentantoj de najbaraj grupoj, solkantoj kaj festludo honoris la karan sepdek-jarulinon kaj amuzis la pli ol 60 ĉeestintojn. — S-ro J. Karsch komencis la 4 februaro kurson en la Esperanto-hejmo. — La Unuiĝo de Esp. poŝtoficistoj okazigis la 8 februaro feston en „Stadt Petersburg" kun tre interesa programo. — En la Delegitarkunveno, samtempe jarĉefkunveno de la Loka Ligo, la 14 februaro, la raportoj de la estraro estis konsente akceptataj. — La komerca lernejo de F-inoj A. Huhle kaj A. Wakczynska enkondukis Esp. kiel devigan fakon en sian instruplanon. — *Hamburg:* S-ro O. Ovens parolis la 13 februaro antaŭ 150 stenografistoj. Sekve de parolado farita en januaro S-ro Ovens malfermis kurson kun 15 instruistoj. — *Heidenheim:* La 28 januaro okazis parolado en la Deutschnationaler Handlungsgehilfen-Verband de S-ro Gabler antaŭ 40 personoj. Nova kurso kun 25 anoj malfermiĝis la 16 februaro; gvidas S-ro Gabler. — *Leipzig:* En la jarkunveno de la societo „Leibniz" je la 26 januaro estis elektitaj S-roj Petzold, prezidanto, Baumgärtel, sekretario, kaj Emmerich, kasisto. Novaj kursoj komenciĝis en diversaj urbpartoj sub organizo de la Saksa Esp. Instituto kaj societoj „Leibniz" kaj „Zamenhof". — *München:* Fondiĝis Bavara Esperanto-Instituto (negocejo Pfandhausstr. 8 II) laŭ la modelo de la Saksa Esperanto-Instituto. — *Posen:* Pola Esp. Societo aranĝis kurson, kiun vizitas 24 personoj; gvidas S-ro A. Brzezinski, Del. — *Stuttgart:* La 8 februaro okazis la jara kunveno de la patronantaro de l'Virtemberga Esperanto-Instituto sub prezido de S-ro Pilz. S-ro Schweizer legis la raporton pri la fond-kunveno, el kiu oni vidas, ke la membroj de la patronantaro dum la pasinta jaro preskaŭ triobliĝis. Sekvis tre detala parolado de S-ro Hengstenberg pri neceso de Esperanto por la komerco. Post deŝarĝo de la estraro la elektoj okazis aklame; S-ro Pilz estis reelektata prezidanto.

## Hispanujo.

*Barcelona:* La grupo „Paco kaj Amo" aranĝis ekspozicion de Esperantaĵoj. Propagandajn paroladojn faris S-roj Rocamora kaj Capdelacren y Serret. — *Sevilla:* La urbkonsilantaro triafoje donacis al la grupo 600 Sm. por propagando de Esperanto.

## Italujo.

*Bologna:* S-ro Nanni komencis kurson ĉe la Instituto Guido Guinicelli. — *Como:* Laŭ iniciato de S-ro Violi, grupo fondiĝis. — *Torino:* La 5 februaro okazis la dua kunveno de la senpaga publika kurso, kiun sukcese gvidas S-ro M. de Balzac, Del. Ĉeestis 85 personoj, kaj pro novaj aliĝoj oni malfermos novan kurson. La urbestro S-ro T. Rossi akceptis la honoran prezidantecon de la Esp. grupo; aliĝis ankaŭ la deputato S-ro O. Morgari. — *Venezia:* Sub la prezido de S-ro E. Pizzi fondiĝis grupo kun 30 anoj. — *Verona:* Dum januaro oni malfermis kurson por pastroj, kiun partoprenas 12; instruanto estas S-ro Reni, Del.

## Nederlando.

*Arnhem:* S-ro C. Jacobs gvidas kurson por bontemplanoj kun 18 anoj. — *Hago:* Por la nova oficiala Esp.-kurso, starigita denove de la urbestraro, al kiu povos partopreni nur 25 personoj, sin enskribigis 43.

## Rusujo.

*Peterburg:* La filio de Tutruslanda Esp. Kuracista Societo aranĝis sian jaran kunvenon la 25 januaro. La raporto de la sekretario S-ro D-ro M. Nemser enhavas interesajn informojn pri la pasintjara agado de la societo. — *Zaporojje-Kamienskoje:* La loka Societo organizis de la 28 decembro ĝis 2 januaro riĉhavan ekspozicion de Esperantaĵoj, kiu estis vizitita de 1150 personoj. La 25 januaro S-roj K. Bojanovski, F. Orlovski kaj M. Bogdanoviĉ faris propagandajn paroladojn antaŭ 500 personoj. La 31 januaro okazis vesperfesto, kiun ĉeestis 200 personoj. La programo konsistis el komedieto, deklamoj, koncerto kaj dancado.

## Svedujo.

*Gefle:* La nove elektita estraro de la Esp. klubo konsistas el: Helsing, prezidanto; Olsson, vicprezidanto; Adamson, sekretario; Persson, vicsekretario; Wahlund, kasisto; Örn, bibliotekisto; Bäckman, kunhelpanto.

## Svisujo.

*Lausanne:* En Kristana Unuiĝo nun okazas kurso gvidata de S-ro A. Caumont.

## Sud-Ameriko.

*Aracaju* (Brazil.): Okazas nun kvin kursoj. — *Bahia Blanca:* S-ro Delfi Dalman, Del., faris paroladon ĉe la Biblioteko Rivadavia. — *Buenos Aires:* Dum Novjaro la lokaj Esperantistoj aranĝis ekskurson al la urbo Montevideo, kiun partoprenis 24 personoj, inter kiuj S-roj Villafranca, Albamonte, Montfort, Sabaté ktp. La samideanoj de Montevideo kore akceptis la ekskursintojn, kaj oni pasigis agrablan tagon, ne forgesante propagandi Esp. per disdonado de granda nombro da propagandaj folioj. — *Cienfuegos:* La Societo Kuba por la propagando de Esperanto anoncis konkurson kun premio de 200 Sm. destinatan al la instruistino, kiu prezentos plej bonan grupon. — *Habana:* Pro la klopodoj de S-ro D-ro A. Aleman Ruiz enkonduki Esp. ĉe la Ruĝa Kruco de Kuba, la juĝantaro de a Ruĝa Kruco faris al la estraro la proponon transdoni al S-ro D-ro Aleman Ruiz honoran distingon. — *Sao Paulo* (Brazil.): La gazetoj „A Platea" malfermis Esp. kurson; same en *Santos* la gazeto „A Tribuna".

## Afriko.

*Sidi Abdalah:* Post paroladoj de S-roj J. Nicolas kaj Autran malfermiĝis kurso kun 16 anoj.

## Azio.

*Benares* (Hindujo): S-ro P-ro J. N. Unwalla instruas 50 lernantojn en Central Hindu College.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto-monumento.** — En No 161 ni jam informis pri la starigota Esperanto-monumento en la mondfama banurbo Franzensbad (Bohemujo). Ni povas nun aldoni, laŭ cirkulero de la organiza komitato, kelkajn pluajn informojn. Komence la organiza komitato intencis starigi nur malgrandan monumenton, sed baldaŭ ĝi konvinkiĝis, ke tia ne tute plenumos la propagandan deziritan celon. Post kiam dank'al siaj senlacaj klopodoj, S-ro Hechtl, Del., sukcesis atingi, ke la kuracurbo Franzensbad pagu du trionojn de la elspezoj, la organiza komitato decidis starigi monumenton, kiu kostos 9000 ĝis 11000 kronojn, tiel ke la Esperantistoj devas pagi nur 3000 ĝis 4000 kronojn. La urbo postulis nur, ke tiu sumo estu tuj deponata. S-ro Hechtl pro tio tuj deponis 3500 kronojn.

La organiza komitato nun petas ĉiujn samideanojn kaj ĉiujn Esp. grupojn sendi iun sumon por la citita monumento kiel eble plej baldaŭ, ĉar ĝi devas esti malkovrota jam la 31 majo okaze de la Tutaŭstria Esperanto-Kongreso. Ĉiu grupo aranĝu kolekton! La organiza komitato starigas la monumenton por propaganda celo. Franzensbad, vizitata de miloj da en- kaj eksterlanduloj, efektive ne bezonas Esperanto-monumenton por sia ornamo, ĉar ĝi posedas sufiĉe. Preskaŭ ĉiujn siajn belegajn monumentojn ĝi ricevis senpage de artistaj unuiĝoj nur pro siaj mirindaj parkoj. Do, tiom pli grava aperas la fakto, ke Franzensbad pagas la du trionojn de ĉiuj elspezoj por nia monumento. Per ĝi ni montros al la publiko la gravecon de nia movado.

La nomo de ĉiu persono, kiu donos almenaŭ 100 kronojn, estos enskribata sur la monumento; donacintoj de almenaŭ 50 kronoj ricevos grandan bildon de la monumento. Ĉiuj donacintoj estos enskribataj sur monumentlibro.

Ĉiuj donacoj estu sendataj al S-ro Hechtl, r. fervoja sekretario, Franzensbad; ili estos kvitancataj en la Esp. gazetoj. Personoj ne povantaj tuj pagi sendu pagpromeson kun aldono de la tempo, kiam ili intencas pagi.

Ni aldonas, ke D-ro Zamenhof, per letero de la 7 januaro, esprimis sian plenan konsenton pri la starigo de Esperanto-monumento.

∴ **Esperanto kaj turismo.** — Ĵus aperis belege ilustrita Esperanta gvidlibro de *Stirio* (Aŭstrio), eldonita de la Provinca Ligo por fremdulaj aferoj en Stirio, kiu jam okaze de la tutaŭstria Esperanto-Kongreso en Graz helpis la eldonon de 80-paĝa ilustrita gvidlibro tra Graz kaj multe favoras la Esperanto-movadon. La ĵus aperinta gvidlibro rakontas pri la belegaĵoj de la fama Aŭstria alpolanda provinca Stirio, nomata „la verda Stirio"; la libreton ornamas 23 ĉarmaj ilustraĵoj. La gvidlibro estas ricevebla de UEA po fr. 0. 25.

— La Iniciata Sindikato de *Bourg* (Ain, Francujo) eldonis Esperantan gvidfolion. Oni scias, ke en tiu urbo okazos la Kongreso de la Esp. Federacioj de Burgonjo kaj de Rodano.

— *L'Espéranto et le tourisme*, tia estas la titolo de propaganda broŝuro franclingva verkita de S-ro Rollet de l'Isle, prezidanto de la S. f. p. E. Ĝi koncize kaj tre klare montras la servojn faritajn kaj fareblajn per Esperanto dank'al UEA. La prezo de tiu rekomendinda propagandilo estas nur fr. 0. 05 (2 sd.).

# TRA LA GAZETARO

∴ *Lingvo Internacia* (februaro). Paco (Th. Cart):

„La pacon ni volas, ni ĉiuj volas. Sed kian pacon? Ĉu paco, al kiu sufiĉus la forigo de interhoma malamikeco, la foresto de internacia milito?

Sed tia paco estus nur „pasiva" paco, kaj se ĝin oni devus pagi per malapero de la karakteroj, per malapero de la persona individueco, per malapero de la nacioj — tiuj plej altaj individuoj, — tro kare oni ĝin aĉetus. Kaj vere, pli danĝera ĝi estus por la homaro, por la naciaro, ol plej akraj malamikecoj, ol plej kruelaj militoj, ĉar ĝi estus nur la paco per la silento, la paco en la morto. Internacian lingvon ĝi ne bezonus: en ĉiuj lingvoj oni povas ja silenti, kaj al la morto necesas neniu lingvaĵo.

Sed kian pacon ni do volas, inter homoj, inter nacioj... kaj ankaŭ inter ni Esperantistoj? La pacon ni volas, kies fundamento estas la respekto de ĉiuj sinceraj opinioj, libere esprimitaj, la respekto de ĉiuj karakteroj, de ĉiuj individuaj aŭ naciaj rajtoj. Tia paco enskribas sur sian flagon apud la vorto *amo* ankaŭ la vorto *volo*. Ĝi instigas al la agado. Ĝi estas „aktiva" paco. Ĝia metodo ne konsistas en tio, ke ĝi evitas je kiu ajn prezo kaj tuj ĉiun konflikton. Ĝi scias ja, ke inter homoj kaj nacioj, kiuj ne vegetas sed vivas, konfliktoj estas fatalaj; sed ĝi penas por ilin malakrigi kaj por solvi ilin laŭ justeco. Ĝi estas la paco per la libereco, la paco en la vivo. Internacia lingvo, tial ke ĝi povas malaperigi multajn malkompreniĝojn, — apud aliaj gravaj, precipe ekonomiaj, faktoroj, — potence helpos al ĝi."

∴ *Paris-Espéranto* (februaro). Nia agado en la gazetaro, okaze de la Pariza Kongreso (M. Génermont):

„Prepari la publikan opinion, tia estos nia rolo. Prepari la publikan opinion, t. e. disvastigi la ideon pri Esperanto en la popolo, precizigi kelkajn neklarajn aŭ nebone interpretitajn punktojn de la Esperantista programo, respondi aŭ kontraŭparoli kaj refuti la erarojn. Sed ni agu singardeme, ĉiam kun mezuro. Ni ne lacigu la gazetdirektorojn per tedaj aŭ netaŭgaj petoj; ni estu kontentaj per tio, ke ni informos la legantojn pri la celo de nia movado, la nuna stato de Esperanto kaj ĝiaj justaj pretendoj; ni estu honestaj, laŭ tiu senco, ke estas pli bone resti sub la vero ol doni al la publiko la impreson pri fikcia forto publikigante fantaziajn ciferojn aŭ danĝere optimistajn statistikojn. El diversaj flankoj oni raportas al ni, ke sekve de klopodoj aŭ propravole gravaj ĉiutagaj gazetoj el Parizo publikigos kelkajn artikolojn de eminentuloj favoraj al Esperanto; revuoj intencas malfermi enketojn, ricevi intervjuojn, organizi referendumon en la publiko..." (Trad.)

∴ *La France Espérantiste.* Nova monata propaganda gazeto, france kaj Esperante. (Administracio: 3, rue Sophie-Germain, Paris).

∴ *Japana Esperantisto* reaperas kiel dumonata organo de la Japana Esperantista Societo. (Redakcio: Kroita, Haraĵiku, Tokjo).

∴ *Esperanta Revuo pri Komerco kaj Industrio*, monata bulteno. (Redakcio: 7, Bd Rochechouart, Paris 9e).

∴ En *„Sarasvati"*, hindlingva ĵurnalo, redaktata de S-ro Mahavir Prasâd Dvivedi, aperis propaganda artikolo pri Esp. kun portreto de D-ro Zamenhof.

∴ Favoraj artikoloj aperis en: *Neustädter Anzeigenblatt*, Neustadt a. Aisch (21 nov.); *Grazer Tagespost* (22 febr.); *Le Carillon*, Bourg (31 jan.); *The Democrat*, Wichita (17, 31 jan.); *La Region*, Santa Cruz de Tenerife (5 febr.); *Diario da Madeira*, Funchal (30, 31 jan.); *Journal de Confolens* (15 febr.); *Popolo*, Trento (28 jan.).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

*La kotizaĵoj por 1914 estas pageblaj al la Delegitoj, aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).

*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).

*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).

*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).

*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA la membrokarton kaj la Jarlibron.*

**Garantia kapitalo.**

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 22.125 |
| 110. Lawell C. Frost M. D., Los Angeles | 125 |
| Frankoj | 22.250 |

Entute (ĝis la 25 februaro) 110 Garantiantoj mendintaj 178 atestojn, valoro 22.250 frankoj (8900 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto.*

**Balotado de la Komitato de UEA.** — La balotado de la Komitato por nova periodo de tri jaroj liveris la jenajn rezultatojn:

Voĉdonrajtantoj: 76; voĉdonintoj: 40; voĉoj esprimitaj: 55.

Estas elektitaj kiel *komitatanoj:*

| | Voĉoj |
|---|---|
| 1. *H. Bolingbroke Mudie* (London) | 55 |
| 2. *Th. Rousseau* (Dijon) | 54 |
| 3. *Ed. Privat* (Paris) | 54 |
| 4. *F. Rockmann* (Magdeburg) | 54 |
| 5. *S. Szabunievicz* (Moskvo) | 54 |
| 6. *P. Blaise* (London) | 53 |
| 7. *A. Carles* (Béziers) | 53 |
| 8. *P. Linares* (Cordoba) | 53 |
| 9. *A. Behrendt* (Breslau) | 53 |
| 10. *J. Schmid* (Bern) | 53 |

Ricevis voĉojn: *H. C. Mees* (Hago) 2, *v. Frenckell* (Dresden) 1, *Haller* (Leisnig) 1, *Kühnl* (Praha) 1, *Luis* (Düsseldorf) 1, *Pillath* (Essen) 1, *Sergent* (Boulogne s. M.) 1, *Stromboli* (Genova) 1.

Estas elektitaj kiel *vickomitatanoj:*

| | Voĉoj |
|---|---|
| 1. *J. Karsch* (Dresden) | 53 |
| 2. *H. C. Mees* (Hago) | 51 |
| 3. *A. Stromboli* (Genova) | 49 |

Ricevis voĉojn: *Camescasse* (Paris) 2, *Kotzin* (Moskvo) 1, *W. Mann* (London) 1, *Parrish* (Los Angeles) 1, *Vermandel* (Antwerpen) 1, *Tellini* (Bologna) 1. (Laŭ protokolo.)

— Konforme al §§ 34 kaj 41, la Komitato balotos la prezidanton kaj vicprezidanton de la Asocio kaj la direktoron kaj vicdirektoron de la C. O. de UEA.

* * *

La sole nova Komitatano estas S-ro *A. Behrendt*, el Breslau, prezidanto de la Internacia Ligo de la Esperantistaj Poŝtoficistoj (Ilepo) kaj prezidanto de la konsilantaro de Germana Esperanto-Asocio.

La du novaj vickomitatanoj estas S-ro *J. Karsch*, Del. en Dresden, membro de la konsilantaro de Germana Esperanto-Asocio, kaj S-ro *H. C. Mees*, Del. en Hago, redaktoro de *Holanda Pioniro.*

**Al niaj korespondantoj.** — Ofte okazas, ke la C. O. de UEA ricevas leterojn pri tiu aŭ alia demando ne koncernanta la administradon. Tiajn leterojn ni volonte laŭpove respondas, sed necese estas, ke la sendantoj aldonu al ili *respondkuponon*, same kiel por la informpetoj al Delegitoj. Oni estas tre petata noti tion, kaj de nun sendi respondkuponon aŭ -poŝtkarton al ĉiuj leteroj ne rilatantaj al administraj aferoj.

**Administrado.** — La Oficiala Jarlibro 1914 estas aperinta kaj dum februaro estis sendita kun la nova membrokarto al la membroj kaj entreprenoj pagintaj la kotizaĵon por 1914.

— Ni insiste petas, ke la membroj ne ankoraŭ pagintaj la kotizaĵon por 1914 bonvolu tion fari kiel eble plej rapide. Dum marto ni enkasigos per la poŝto — en la landoj, kie tio estas ebla — la kotizaĵojn de la personoj ne ankoraŭ repagintaj, sed, pro alkalkulo de la diversaj spezoj, la enkasigota sumo estas proksimume *3 frankoj* (anstataŭ 2,50 fr.). La membroj havas do senteblan profiton repagante la kotizaĵon antaŭ ol estos sendataj la poŝtrepagiloj.

**Oficiala Jarlibro.** — La Oficiala Jarlibro 1914 kaj la membrokarto estas ekspeditaj, ĝis la 25 februaro, al ĉiuj membroj pagintaj la kotizaĵon kaj havantaj la numeron 1 ĝis 8000. Personoj, kiuj ne estus ricevintaj tiujn dokumentojn, bonvolu nin informi.

**Financoj.**

*Konteltiro de UEA dum monato januaro 1914:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 2458. 68 | Oficejo | 126. 05 |
| Subtenantoj | 116. 25 | Salajroj | 500. — |
| Entreprenoj | 392. 85 | Korespondado | 346. — |
| Jarlibro | 196. 20 | Materialo | 202. 90 |
| Pagitaj Servoj | 5. — | Presaĵoj | 123. — |
| | | Jarlibro | 32. 10 |
| | | Ofic. Organo | 155. 95 |
| | | Esp. Elspezoj | 6. — |
| | 3168. 98 | | 1492. — |
| | | Saldo | 1676. 98 |
| | 3168. 98 | | 3168. 98 |

**Novaj Delegitoj.**

*Batak* (Bulgarujo, Peŝtersko). — D.: Petr V. Toŝkov, komunuma skribisto.

*Berchtesgaden* (Germanujo, Bavarujo). — D.: Isidor Fuchs, presejestro.

*Bristol* (Anglujo, Gloucestershire). — D.: W. F. Westmancote, 142 Chessel St., Ashton Gate.

*Doncaster* (Anglujo, Yorkshire). — D.: John D. Rodgers, spicisto, 33 Ellerker Ave.

*Felsöpulya* (Hungario). — D.: Nikolo Braun, reĝa distriktjuĝisto.

*Ĥartum* (Egiptujo). — D.: Gordon Lee, Egyptian Army, War Office.

*Kairo* (Egiptujo). — D.: François A. Massabki, kalkulisto, poste restante.

*Lahti* (Finnlando). — D.: Henriko Leander Nieminen, horloĝisto, Rautatiekatu 13.

*New Castle* (Usono, Indiana). — D.: D-ro Russel E. Cole.
*Offenbach* (Germanujo, Hessen). — D.: Carl Gumbinger, komercisto, Bleichstr. 60/I.
*Pskov* (Rusujo). — D.: A. Ŝirginov, Uspenskaja ul., dom Tokareviĉ.
*Sarajevo* (Aŭstrio, Bosnio). — D.: Jaromir Schwarz, fervoja komisaro, Gornjahiseta, Mariencour 6.

**Ŝanĝoj.**

*Bochum* (Germanujo, Vestfalio). — VD.: Heinr. Werth, arkitekto, Königsallee 38.
*'s-Hertogenbosch* (Nederlando). — D.: Mathieu A. G. van der Bruggen, librotenisto, 7 Postelstraat.
*Riga* (Rusujo). — D.: W. v. Ŝmurlo, inĝeniero, Cerkovnaja 4-A.
*San Feliu de Guixols* (Hispanujo, Gerona). — D.: Francisco Roca y Massegur, skribisto, Caymo 145.
*San Francisco* (Usono, Kalifornio). — D.: H. B. Langille, 411 Exposition Bldg.

**Eksiĝoj.**

*Abbassia* (D.: Lee); *Amsterdam* (D.: Janssen); *Barcelona* (D.: Bellver); *Boulogne s. M.* (VD.: Lambert); *Invercargill* (D.: Webber); *Philadelphia* (VD.: Coigne); *Portsmouth* (DD.: Ede); *Silistra* (D.: Davidoff); *Sao Leopoldo* (D.: Thierack); *Washington* (D.: Nickles).

GARANTIA KAPITALO DE UEA

## LA LASTAJ MIL SPESMILOJ!

*Samideanoj!*

Tiuj mil Spesmiloj estas feliĉe ne la lasta mono en nia Centra Kaso, sed la resto de tio, kion ni devas havi por la *Garantia Kapitalo* [1]. Vi memoras, ke dum oktobro 1912 oni starigis per decidoj de la Komitato kaj de la Delegitoj la regulojn de kolektota kapitalo da Fr. 25.000 (Sm. 10.000) kun la celo plifortigi la financan situacion de UEA kaj ebligi novajn servojn kaj laborojn. Antaŭ unu jaro, dum februaro 1913, ni jam povis publikigi la unuan liston de Garantiantoj; hodiaŭ ĝi atingas kun la promesitaj pagoj Fr. 22.500 (Sm. 9000) La kapitalo kolektiĝas per atestoj valorantaj Fr. 125 (Sm. 50) kaj pageblaj plej malfrue tri monatojn post promeso, oni povas subskribi laŭvole unu solan aŭ plurajn.

Kompare kun aliaj similaj aranĝoj, la nia diferenciĝas per tio:

La sumoj ne sole staras sur la papero, sed estas efektive pagitaj (ĝis nun Fr. 21.450).

La paginta Garantianto ne portas iun estontan respondecon por la Asocio kaj ĝia financa administrado.

La akiro de atesto havigas notindajn profitojn: Dumviva membreco de UEA, dumviva abono al la luksa eldono de „Esperanto" kaj voĉdonrajto pri la uzado de l'kapitalo. Rilate al la nuna kotizajo de Fr. 2.50 kaj la abono de Fr. 6.25 unu garantia atesto havigas interezon da 7 %, kaj, sur bazo de kutima kvarprocenta interezo, estas amortizata post ĉirkaŭ 20 jaroj. La Garantianto ne plu devas ĉiujare zorgi por ĝustatempa pagado de sia kotizaĵo, kaj ebla posta plialtigo ne atingas lin.

Ĉar ni ne povas certigi ke post la finiĝo de tiu kolekto la eblaj novaj atestoj estos same malmultekostaj, ĉiu havas intereson ankoraŭ profiti la bonan okazon. La lastan jaron tri Garantiantoj bonvolis enpagi po 1000 Sm. Se troviĝus iu kvara, kiu per same malavara donaco tuj kompletigus la kapitalon ni estus tre feliĉaj; tamen ĉar mankas al ni la adreso de tia bonfaronto ni ankaŭ estos tre dankemaj al la personoj baldaŭ subskribontaj unu aŭ kelkajn atestojn.

[1] Vidu la regularon en Jarlibro 1914, paĝ. 62—64.

La rapida kolektado de nia kapitalo estis notinda sukceso; ĝi permesis forigi antaŭajn deficitojn, donis financan krediton kaj montris ekstere la gravecon kaj seriozecon de nia Asocio. Por ne malfortigi tiun impreson estas necese, ke ankaŭ la lastaj atestoj estu mendataj, tiel ke ĝis la proksima kongreso la tuta afero estu en ordo. Ni kore invitas ĉiujn Esperantianojn fari ĉion eblan por tiu celo.

Por la Administrantaro de la Garantia Kapitalo de UEA
*Ed. Stettler*, Financa Fakestro.

## Niaj propagandiloj

Ni havas la plezuron anonci al niaj Delegitoj kaj membroj, ke por plifaciligi ilian propagandadon, UEA decidis malaltigi la prezon de la nacilingvaj propagandaj folioj pri nia Asocio. Tiuj folioj, falditaj en broŝura formo de 8 paĝoj, enhavas informojn pri UEA kaj Esperanto. Ili estas tre taŭgaj por disdonado ĉe paroladoj, festoj, aŭ por individua propagando.

Prezo:

| | | |
|---|---|---|
| 100 ekzempleroj (afranke) . . . . . . . . | Fr. 0.75 | (Sm. 0.30) |
| 500 „ „ . . . . . . . . . | „ 3.— | ( „ 1.20) |

La folioj ekzistas en *angla, franca,* aŭ *germana* lingvo. Oni mendu ilin de la Centra Oficejo de UEA, kunsendante la necesan monsumon.

## Gvidfolioj kaj gvidlibroj

**Gvidfolio** celas liveri al la vojaĝantoj la plej urĝajn informojn pri iu difinita urbo, ĉu el Esperantista, ĉu el ĝenerala vidpunkto. Ĝi enhavas: 1e la adreson de la Delegito kaj de la konsuloj; 2e la adresojn de la lokaj Esperantistaj grupoj, se estas, kaj iliajn kunvenejojn; 3e la adresojn de la firmoj kaj hoteloj rekomendataj al Esperantianoj; 4e kelkajn informojn pri la vizitindaĵoj, distraĵoj, prezo de la komunikiloj k. t. p.

Ekzistas ĝis nun gvidfolioj en la jenaj urboj [1]:

**Aŭstrio-Hungario:** *Bozen-Gries, Budejovice, Jindrichuv Hradec Kladno, Praha, Prostejov, Roznov.*
**Belgujo:** *Spa.*
**Bulgarujo:** *Sofia.*
**Britujo:** *Bath, Cheltenham, Cromer, Letchworth, Liverpool, London, Portsmouth.*
**Danujo:** *Aarhus, Kopenhag.*
**Finlando:** *Kotka.*
**Francujo:** *Beaune, Bordeaux, Calais, Grenoble, La Rochelle, Louhans, Roye, Tours, Vienne.*
**Germanujo:** *Bamberg, Breslau, Dresden, Elberfeld, Hannover, Kiel, Königsberg, Krefeld, Leipzig, Merseburg, München, Rostock, Weinböhla.*
**Hispanujo:** *Cartagena, Madrid, San Sebastian, Sevilla.*
**Rusujo:** *Kiew, Moskvo, Saratov, Varsovio, Viŝni-Voloĉok.*
**Svedujo:** *Stockholm.*
**Svisujo:** *Davos, Genève, Le Locle, Rorschach.*

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *Prezo:* 1 ĝis 10 ekz. . . . . | *10 ct.* | ( 4 sd.) | Por membroj de UEA. |
| 11 „ 25 „ . . . . | *25* „ | (10 „ ) | |
| 26 „ 50 „ . . . . | *50* „ | (20 „ ) | |
| Plena kolekto . . . . (kun la Universitataj gvidfolioj) | *75* „ | (30 „ ) | |

Oni povas mendi ekz. de sama aŭ de malsamaj urboj laŭvole. Oni pagu per poŝtmandato, transpagilo, respondkuponoj aŭ respondpoŝtkarto 10 ct. Naciaj poŝtmarkoj, krom svisaj, ne estas akceptataj.

[1] Grupoj, societoj aŭ Delegitoj dezirantaj eldoni gvidfolion legu la klarigojn sur paĝoj 43—44 de la *Oficiala Jarlibro de UEA.*

La supraj prezoj valoras *nur por la membroj de UEA*, kiuj ĉe la mendo notu sian membronumeron.

* * *

**Universitata gvidfolio** celas utili al la studentoj, kiuj deziras veturi eksterlanden por kompletigi siajn studojn en alilanda universitato. Ĝi enhavas informojn pri la Universitato (programo, kosto, studkondiĉoj), pri loĝejoj por studentoj, pri libertempaj kursoj por alilandanoj k. t. p.

Ĝis nun ekzistas tiaj gvidfolioj en la jenaj urboj:

*Dijon, Grenoble, Innsbruck, Milano, Nancy, Peterburgo, Poitiers.*

*Prezo:* Plena kolekto *25 ct.* (10 sd.) por membroj de UEA.

* * *

**Gvidlibro** celas konigi difinitan regionon kaj priskribi ĝiajn allogaĵojn.

I = ilustrita; R = resumo Esperanta.

La C. O. de UEA liveras afrankite gvidlibrojn de la jenaj regionoj laŭ la flanke montritaj prezoj[1]:

| | Ct. | Sd. |
|---|---|---|
| **Aŭstrio-Hungario** | | |
| *Franzensbad* (16 paĝ. 13×19,5. I) | 10 | 4 |
| *Pejzaĝoj en Aŭstrio* (117 paĝ. 15×11. I) | 30 | 12 |
| *Tra Bosnio e Hercegovino* (34 paĝ. 12×18.5 I) | 50 | 20 |
| *Stirio.* (Represo el „Universo"; 12 paĝ. 15×22.5 I) | 25 | 10 |
| **Britujo** | | |
| *Edinburgh* (32 paĝ. 11×15,5. I) | 15 | 4 |
| **Finnlando** | | |
| *Vojaĝado en Finnlando* (64 paĝ. 12,5×18. I) | 25 | 10 |
| **Francujo** | Ct. | Sd. |
| *Tra la lando Anjou* (8 paĝ. 11×19. I) | 10 | 4 |
| *Vichy-Gvidlibreto* (24 paĝ. 14,7×9. I) | 10 | 4 |
| *Turismo ĉe la fervojaro Orléans* (28 paĝ. 25×12,5. I) | 15 | 6 |
| **Germanujo** | | |
| *Augsburg* (12 paĝ. 10,7×16,6. I) | 10 | 4 |
| *Bad Reichenhall* (32 paĝ. 11,5×16,3. I) | 10 | 4 |
| *Breslau* (24 paĝ. 11,5×16,5. I) | 10 | 4 |
| *Tra Dancigo* (16 paĝ. 11,5×16,5. I) | 10 | 4 |
| *Düsseldorf am Rhein* (24 paĝ. 12,3×22,2. R) | 10 | 4 |
| *Vizitu Esslingen apud Neckar!* (8 paĝ. 12×21,5. I) | 10 | 4 |
| *Stuttgart* (52 paĝ. 11,5×16. I) | 15 | 6 |
| *Wernigerode-Hasserode* (8 paĝ. 11×19. I) | 10 | 4 |
| **Usono.** | | |
| *Los Angeles* [Kalifornio] (63 paĝ. 21×15) | 25 | 10 |

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *A. Valoušek,* Del. en Brno, esprimas koran dankon al S-ro Fr. Orlov, eksdelegito en Tomsk, pro tre valora servo.

.·. S-ro *J. F. Lochhead,* garantianto de UEA, sincere dankas S-rojn Petian, Del., kaj Vermandere en Gent; S-inon Tissot, garantiantino de UEA, kaj S-ron Rusterholz, Del., en Basel; S-ron E. Müller, Del. Zürich, pro ilia afableco kaj servo dum lia transloĝiĝo de Edinburgh al Baden (Svisujo).

.·. S-ro *C. C. Coigne,* Esp-ano en New-York City, esprimas plej sincerajn dankojn al jenaj Delegitoj pro afablaj kaj multvaloraj helpoj dum liaj studoj: S-roj J. de Bulyovsky, Budapest; C. Ohlsson, Göteborg; J. Seriŝev, Tomsk; B. Klingenberg, Kristiania; K. C. Ŝau, Shanghaj; A. E. Thomas, Sidi-bel-Abbès; T. Matsuda, Ŝikigun Naraken; A. der Hovhannissiantz, Tabriz.

.·. S-ro *Fr. Kučera,* Del. en Knezeves, dankas S-ron J. L. Thennis, eksdelegito en Alkmaar pro bone plenumita servo.

.·. S-ro *Rud. Petr,* Esp-iano en Olomouc, kore dankas S-ron P. Bule, Esp-iano en Uspensko-Kozlovskoje (Rusujo) pro preciza informo.

[1] Societoj eldonintaj gvidlibron kaj dezirantaj partopreni en tiu servo bonvolu sin turni al la C. O. de UEA.

# Esperantia Vivo

**Jubileo.** — S-ino Marie Hankel antaŭ nelonge festis sian sepdekjaran jubileon. Je tiu okazo ni sendas al nia eminenta samideanino niajn gratulojn kaj tutkorajn bondezirojn.

**Naskiĝo.** — Al ges-roj Bouzas, Esp-ianoj en Montevideo, naskiĝis filo Gabrielo Esperanto.

**Morto.** — Oni anoncas la subitan morton de S-ro Berlande, vicprezidanto de la grupo de Villeneuve-St-Georges (Francujo) kaj fondinto de la Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj. Sindonema, modesta, laborema kaj fervora samideano li estis. Ni sendas al lia familio la esprimon de nia kora simpatio.

# Reciproka Informado

Por utili al niaj membroj ni komencis novan servon, kiun ili certe ŝatos. Ĉiu leganto, kiu deziras ion scii pri *iu ajn temo* (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, legantoj de *Esperanto*, kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj iu povos respondi la demandon. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, kompreneble, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

## Demandoj

12. Ĉu ekzistas gazeto pri gitaro en Germanujo (nomo kaj adreso)? — M. 8097.

13. Ĉu iu povas nomi al mi libron (Esp., ruse, germane, france) pri eduko de la volo (parto de hipnotismo)? — M. 8097.

14. Kia multobligilo uzebla por maŝin- kaj manskribo estas la plej praktika kaj plej taŭga por fari sen malfacileco bonaspektajn cirkulerojn kaj ĉiajn ajn multobligaĵojn okazantajn en societoj. Ĉu ne ekzistas pli nova, pli bona procedo ol tiuj per mimeografo kaj hektografo? — E. E. 481.

# Alvokoj

## Esperanto-instruado en komercakademio

Ĉar mi intencas publike paroli pri la utileco de Esperanto, precipe por la komerco, mi afable petas al samideanoj bonvole komuniki la adresojn de akademioj (universitatoj) en kiuj Esperanto estas instruita. Dankeme mi ankaŭ akceptos ĉiajn informojn, kiuj povos servi por konvinki la komercistojn.

*J. P. L. Nielsen,*
Claes de Vrieselaan 67, *Rotterdam.*

## Enketo pri impostoj komunumaj aŭ urbaj

Mi deziras esplori pri la impostoj komunumaj aŭ urbaj en la diversaj landoj. Mi esperas, ke dank' al nia bonega gazeto *Esperanto* mi povos ricevi pri tio kontentigajn informojn.

Mi do al ĉiuj scipovaj Esp-ianoj pri la afero min turnas kaj petas, ke ili bonvolu sciigi al mi pri la jenaj demandoj:

1e Kiom da loĝantoj entenas via urbo aŭ komunumo?

2e Kiun sumon atingis la buĝeto de via urbo aŭ komunumo?

3e Kiaj estas la diversaj impostoj, kiuj liveras la necesan monon al tiu buĝeto, kaj kiun sumon aparte liveras ĉiu el tiuj impostoj?

4e Ĉu tiuj impostoj estas kolektitaj de oficistoj ŝtataj aŭ komunumaj?

Mi ankaŭ plezure ricevos aliajn sciigojn pri la regado de la urboj kaj komunumoj.

Antaŭdankon al ĉiuj samideanoj, kiuj bonvolos min helpi en mia entrepreno.

*L. Grenier*, urba oficisto,
rue Durieux, *Limoges* (Francujo).

## Esperanto-arĥivejo kaj muzeo

Mi aranĝos Esperanto-arĥivejon kaj muzeon. Por tio mi petas pri alsendo de ĉiuspecaj Esperantajoj, ekz. programoj, propagandilaj eldonajoj en kaj pri Esperanto. *R. Novy*, Del.,
Hajenskástr. 1. *Kladno* (Bohemujo).



# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro Koloskov, kontoro D. G. Agababova (kun ĉiuj landoj).

ASTRAĤAN (Rusujo), — Kvar fraŭlinoj deziras korespondi per PI. kun ĉiulandaj samideanoj. Adresu: F-ino Olga CiganKova, Sapoĵnikovskaja, d. Valova.

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro M. Rodellar, Diputacion 93, poŝtisto, PI (nur kolorajn naciajn kostumojn kaj tipojn, bfl.)

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro Jesus Navarro, Grabador, str. Alta San Pedro 20, PI. L. PM. (gazeto).

BERN (Svisujo). — S-ro H. Hug, tipografisto, Marienstrasse 8 (tipografejo Büchler & Ko.) deziras PM. el ĉiuj landoj.

BLAGOVEŜĈENSK a./A. (Siberio). — S-ro Arkadio Borisov, L., PK. fotografaĵo).

BOLTON (Anglujo). — S-ro W. Jones, St. Helens Road 344, PM., PI., bfl., L. (kun ĉiuj landoj).

BRUSELO (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, poste restante Nord, PI., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUDAPEST (Hungario). — S-ro Petro Hezuche, Ferencz-körut 43. f. 5., PM., PI.

BUDAPEST (Hungario). S-ro Ernesto Kovacs, VIII, Szigetvari-utca 24/c. 1/16. L., PI., PK., PM.

CANCON (Francujo, Lot et Garonne). — S-ro Eloi Gauthier, PI., bfl.

ĈASLAV (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Cibulka Karel, N-ro 231, PK., PI. (ankaŭ skarabojn kaj papiliojn).

CHARTRES (Francujo, Eure-et-Loir). — S-ro J. Souazay, 13, Rue du Petit-Beauvais, PI., bfl. (kun ĉiuj landoj).

CORBACH (Germanujo, Waldeck). — S-ro Hubert Bilek, PM. (kontraŭ PI. sendos vidaĵon de la plej granda valbarilo de Eŭropo).

CORCELLES sur Payerne (Svisujo). — S-ro Ric. Berger, deziras korespondi kun ĉiujlandaj gejunuloj precipe pri astronomio kaj idealismo.

DRESDEN (Germanujo, Saksujo). — S-ro Ernst Schneider, Martin Lutherplatz 12, PI. (esp. gazetojn kaj sigelmarkojn).

ELBERFELD (Germanujo, Rheinprovinz). — S-ro Carl Bergmann, ĉe von der Heydt-Kersten, bankoficejo, PI., PM. (kaj Esp. gazetojn).

ELBERFELD (Germanujo, Rheinland). — S-ro Beichel, Blankstr. 30, L., PI. (kun eksterlandanoj).

FŒCY (Francujo, Cher). — S-ro Eugène Sauvaget, PI. (kun ĉiuj landoj).

HUY (Belgujo). — S-ro Armand Landenne, 9, Rue Stanislas, PM.

IRKUTSK (Siberio). — S-ro Aleksandro Bannikov, Sl. Tjugi Zabajkalskoj d., Delegito de UEA, partoprenonto de la III-a en Rusujo kaj X-a en Parizo, korespondi kun partoprenontoj. de tiuj kongresoj. Kun aliaj samideanoj PI., esp. gaz., markoj, fotografaĵoj.

IRKUTSK (Rusujo). — S-ro Modest Usov, Raboĉaja Sloboda r. Uŝakovki N-ro 27, L. PI. (pri diversaj temoj, volonte kun ekstereŭropanoj kaj alilanduloj).

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav Bartoŝ, Zeleznicka ul 91. PI., PK. PM. L., bfl.

KARLSTAD (Svedujo). La Esp. Klubo de la lernejo de S-ro G. Hultgren, Älogatan 9. PM. PK.

KARLSTAD (Svedujo). — S-ro Olov Johanston, Drottninggatan 9, PK. PM.

KLADNO (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Fr. Stribrsky, Hajenska 445 (interŝanĝas esp. gazetojn abonitajn kun alilanduloj dum la tuta jaro laŭ elirado; precipe sociaj kaj ekstereŭropaj).

KRONSTADT (Rusujo). — S-ro Ĉ. Pruski, Mujskaja gimnazja. Pension PI. PM. bfl. (kun ĉiuj landoj).

KRONSTADT (Rusujo). — S-ro Nikolo Karatæv, Inĵenernœ uĉiliĉe kv. 21, PI. PM. bfl. (kun ĉiuj landoj).

LUGANSK (Rusujo, Ekat. gub.). — S-ro Isaak Fomin, Kazanskaja ul. dom Dikunov.

LYON (Francujo, Rhône). — S-ro M. Inard, 28, Crs Bayarrd, PL, L.

LYON (Francujo, Rhône). — S-ro E. Romanetti, 30 bis Crs Bayard, (kun ĉiuj landoj, ankaŭ kun fraŭlinoj)

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Johano Bouzas, kompostisto, strato Tucari 1667, Pl. L. (kun tipografiistoj; interŝanĝas artajn presaĵojn).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Antono Zorrilla de San Martin, Colegio Pio Villa Colon, Pl., bfl.

MOSKVO (Rusujo). — Grupo Esp. de komizoj vojaĝantaj deziras korespondi kun ĉiuj landoj; adreso: Petrovka, domo 8, loĝ. 6, „Vojaĝo".

NAPOLI (Italujo). — S-ro Celestino Cacace, Crociferi ai Miracoli 14, Pl., PM., L. bfl. (kun ĉiuj landoj).

NEW-YORK (The Bronx, N. Y., Usono). — S-ro Creston C. Coigne, 2627 Webster Ave. (kun psikologoj pri nenorma psikologio, hipnozo, sonĝoj k. s.).

OMSK (Siberio) — S-ro P. Sosnovskij, Poĉtovaja 12, Pl. (kun ĉiuj landoj).

PARIS (Francujo). — Groupe Amical, 9, rue du Renard, Pl.

PLAINE-ST-DENIS (Francujo, Seine). — S-ro René Rabarde, 11, Rue de la Justice, Pl. bfl.

PLUMSTEAD, S. E. (Anglujo, London). — S-ro kaj F-ino V. Croden, 36 Bloomfield Road, L., Pl., bfl.

POITIERS (Francujo, Vienne). — S-ro Georges Thébault, studento, 10, place de la Liberté, Pl., PM., L., bfl. (kun ĉiuj landoj).

POITIERS (Francujo, Vienne). — La fraŭlinoj kaj fraŭloj de „Esperantista Junularo" deziras konstantan korespondadon kun ĉiuj landoj. Sin turni al la prezidanto: S-ro Gaston Lelarge, studento, 44, rue de la Cathédrale, Pl., PM., L., bfl.

REGENSBURG (Germanujo, Bavarujo) — S-ro Hans Meier, gimnaziano, Stahlzwingerweg 10/I, PM. kaj gazetojn kun ĉiuj landoj ekster Germanujo, Svisujo kaj Rusujo).

REGENSBURG (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Frederiko Pfündl, gimnaziano, Prüfeningerstr. 21.

REGENSBURG (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Johano Aggstaller, gimnaziano, poste restante, Regensburg 3.

STADTAMHOF APUD REGENSBURG (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Ewald Mühleisen, N-ro 171 1/4.

STUTTGART-GABLENBERG (Germanujo, Virtembergo). — S-ro Hans Boening, asekura oficisto, Pfarrstr. 45/III, PM. PK. kun fotografaĵoj.

ST-DENIS (Francujo, Seine). — S-ro Carlier Jean, 4, Passage la Croix, Pl., bfl.

UNTERTUERKHEIM (Germanujo, Virtembergo). — S-ro Karl Schmander, Fabrikstr.. PL., PM.

VLADIKAŬKAZO (Kaŭkazo). — S-ro V. Besedin, Terskaja ul. 17, Pl., PM. (kun ĉiuj landoj, ekster Rusujo).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AGENTECOJN por ĉiuj landoj prizorgas samideano, nomas devenojn ktp. Senpage, nur unu respondkup. Postlagerkarte 93, Berlin SO. 26.

AVIZO. — La nova adreso de Librejo „Esperanto" en Montevideo estas: strato Colón 1517, Montevideo (Uruguay).

BICIKLISTOJ postulu „Lucifer" por via biciklo; treege uzata; Sm. 0.500 afrankite. Reprezentantoj ricevas specimenon kontraŭ tri respondkuponoj. Robert Pfennigwerth, Hirschfelde (Germanujo, Saksujo).

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Francujo.

ĈIUJ SPERTAJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke dum festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo nek ŝaŭmanta aŭ neŝaŭmanta vino, nek brando nek biero aŭ alia alkoholaĵo estas necesaj. La vera ĝojo devenas el profundo de l'koro kaj ne bezonas instigilon tiel danĝeran kiel la alkoholo. La kutimo festi trinkante estas kaŭzo de multnombra malfeliĉo.—St.

EDZINIĜPROPONO. — Germana kuracisto kaj dentisto, D-ro med., 47-jara, eksedzo, liberpensulo, tute sana, laborkapabla kaj laborema, sed tute senhava kaj ne sufiĉe okupata en germana urbego deziras ree edziĝi. Samideaninoj, konvenaĝaj, sufiĉe bonhavaj, ankaŭ samprofesianinoj multokupataj, kiuj konfidas al tiu ĉi tute serioza propono, pro pluaj sciigoj bonvolu turni sin al „Esperanto", Rudolf Mosse, Berlin S. W. 19.

ELEKTRO. — Ĉiu apliko de la elektro intencata en havenoj, kanaloj, kluzoj, ŝipleviloj, moveblaj pontoj ktp. interesegas mondfirmon, al kiu mi volas pruvi la utilon de Esperanto. Delegitoj kaj legantoj el ĉiuj landoj sendu tial sciigon pri tiaj projektoj al S-ro Fromm, Kaiserin-Augusta-Allee 61, Charlottenburg I, Germanujo.

ESPERANTISTOJ LEGU ATENTE! Ĉu vi volas ŝpari monon? Se jes, kiam vi deziras aĉeti kian ajn komercaĵon francan, turnu vin al la firmo Remy kaj K-io. Ĝi profitigos vin je parto de diskonto ricevota de la fabrikistoj pri ĉiuj artikloj. Skribu petojn (kun respondkupono) al Remy kaj K-io, Komerckonsulo de UEA, Boîte 450 (poŝtkesto), poste centrale, Paris.

FILATELIO. — S-ro W. C. Poeemdelust, Prinsengracht 148, Amsterdam (Nederlando), petas interŝanĝon de uzitaj ĉiulandaj poŝtmarkoj por multvaloraj Nederlandaj poŝtmarkoj.

FILATELISTOJ. — Dek aŭ pli multe da diversaj aŭstriaj jubileaj poŝtmarkoj interŝangos A. Ptaĉovsky, Lorecka ul., Kutna Hora, Aŭstrio, Bohemujo.

FRAŬLINOJ. — Sekretario de Astrahana Societo Esp., 23-jara rusa fraŭlo, deziras konatiĝi kun vera samideanino por ŝin edziniĝi. Leteroj kun fotografaĵoj adresu al S-ro Sergio Sariĉev, O-va Prikazĉikov, Astrahan Rusujo.

FRAŬLINON 16-20-jaran oni serĉas, kiu povus parolante instrui du 8-10-jarajn knabinetojn en Esperanto kaj franca lingvo. Adreso: Eugeno Pap, juĝisto, Deva, Hungario.

KOMERCISTOJ, INDUSTRIISTOJ ktp., kiuj deziras negocajn interrilatojn kun Germanujo (aĉetado aŭ vendado) turnu sin al Komercista Esperanto-Grupo, Falkenwiese 11, Lübeck, Germanujo.

KOMERCO. — La komerca Konsulo de UEA en Marseille estas afable je la dispono de Esperantianoj por havigi al ili laŭ la plej favoraj kondiĉoj ĉiujn produktojn el Marseille, ĉefe sapojn, kaj pri ĉiuspecaj komercaj servoj. L. Jourdan, 41, rue Turenne, Marseille.

PENSION-LERNEJO: 17 St. Stephen's Square, London W, D-ro O'Connor. M. A. P. D-ro. Prospekto senpage.

POLICISTO aŭ alia, kiu partoprenos la Unuan Kongreson de Polico juĝa internacia en Monako de la 14-20 aprilo 1914, bonvolu tuj interkomunikiĝi kun Paul Nylén en Huddinge, Svedujo.

PRAKTIKAJN ARTIKOLOJN por la ĉiutaga uzado vi trovas en mia prezaro pri tranĉiloj (ankaŭ kun stelo) bruligiloj, tondiloj, raziloj. Mi serĉas personojn, kiuj okupiĝus per disvendo al privatuloj. Postulu Esp. Katalogon ĉe F. G. Jüngel, Dresden-A. 27.

REPREZENTADO. — S-ro Alekso, Popov komercisto, Vicdelegito de UEA, Batak, Peŝtersko, Bulgarujo, deziras reprezentadi fabrikojn de terkulturaj, tabulsegaj k. c. maŝinoj, kaj instrumentoj. Mi donas garantion, se bezone. Oni sendu katalogojn ktp. Aŭstrio preferata.

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto", Lubjanski pr. 3, Moskvo.

